VIIIa jaro. No 127 ★ Duonmonata ★ 20 Julio 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO : HECTOR HODLER

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# Internacia Organizo de la Popoloj

La plej grandaj pensoj de la homoj estis ĉiam mirinde simplaj kaj naturaj. Kiel povus esti alimaniere, ĉar ili ja estas malkaŝiĝoj de la leĝoj, ne nia propra karaktero. Tial ili ankaŭ fine venkas, ĉar ili troviĝas en la celdirekto de la mondo. Ili ja devas esti veraj.

Malnovega vero estas la filozofia tezo, ke « la malpaco estas la patro de ĉio ». El malpaciĝoj konsistas la vivo, ĝi kreskas nur en la « batalado por la ekzistado » kiel la moderna naturscienciisto nomas ĉi tiun fakton. Sed tiu ĉi penso bezonas kompletigon, por ne fariĝi malvera je unu flanko. Se la malpaco estas « patro », ĝi ne estas la lasta el ĉio : ĝi devas produkti ion pli altan. Kaj ĉi tio pli alta estas la kuniĝo, la sistemo, la organismo. Tiel ni rimarkas en la stelaro ordiĝon de astroj laŭ firmaj kunligoj ; tiel la biologio instruas nin, ke ĉelo aliĝas al ĉelo kaj konstruiĝas ŝtato por reciproka helpo, kiu vivas laŭ la leĝo de la labordivido. Tiel rezultas per plej subtila diferencigo de viva tuto la homo. Sed la organizemo daŭras. Ĝi devigas la individuon eliri el la izoliteco al la homa societo. Ekaperas familioj, parencaroj, bandoj, gentoj, popoloj. Organizita popolo estas ŝtato, en kiu la milito de ĉiuj kontraŭ ĉiuj estas forigita, parenca revenĝo kaj juro de l'pugno estas malnecesigitaj, kaj reganta potenco garantias pri la protekdado de la malfortulo, gardas la komunan laboron, direktas la puŝantan forton de la tuto kaj armas la popolon kontraŭ la popoloj. En la propra lando regas paco, prosperas la kulturo. La milito estas ekzilita al la limoj, kie finiĝas la potenco de la popolkorpo.

Sed pluen agadas la volo al organizo. En la malluma antikveco jam — depost kiam kulturpopoloj historie vivas — naskiĝas per submetigo kaj almembrigo la mondregnoj de Asirio kaj Persujo, kiuj sub « estro de l'universo » « reĝo de l'reĝoj » sin sentas kiel unuforma kulturrondo, regas la gigantan distrikton per stratretoj, poŝto kaj mono, spiritplenigas per arto, scienco kaj religio. Kaj la makedono Aleksandro kunligas okcidenton kaj orienton per ligo de mallonga politika daŭro, sed de senfinaj sekvoj. Romo fariĝas lia heredanto kaj organizas per glavo kaj jura sento la « loĝatan teron ». Ne estas mirinde, ke la granda penso pri unu sola homaro, pri kiu jam la greko Sokrato pensis, kiun la ĉinikuloj eĉ transportis al la sklavoj, kiun la stoikuloj anoncis kun morala patoso, ŝajnis realiĝi en la regosfero de la Cezaroj. Cicero, Seneko sin sentas kiel kosmopolitoj ; Marko Aŭrelio trovis, ke la diversaj nacioj tiel proksimiĝis unu alia alia « kiel la domoj de urbo ».

La imperiestra Romo mortis kaj herediĝis sian sceptron al la roma episkopo. Kio alia estas la mezepoka papeco, ol la grandioza provo, anime unuigi la homaron? La plej granda eklezia instruisto, Aŭgustino, postulas Dian regnon sur la tero, en kiu estu realigota la kristnaska anonco « Paco sur la Tero ». Li estis la plej amata verkisto de la franka Karlo, kiu ne malpli multe planis mondregnon, regotan de la germana estro, kiun la Dia reganto en Romo sanktigis por tia ofico. De nun batalas papo kaj imperiestro pro la reprezentado de tiu ĉi granda ideo, kiu ĉiam denove migrigas trans la Alpojn la Otto'anojn kaj la Hohenstaŭfen'anojn : *unu* regno ! *unu* juĝisto sur la tero ! La kristana homara organismo sub *unu* ĉefo !

Tio estas la revo ankaŭ de la plej grava profeto de tiuj tempoj : Dante ! Multkapa monstro li nomas la homaron kaj alvokas al ĝi : Kiel bele kaj ĉarme estas, se fratoj en konsento loĝas unu ĉe alia ! Ekzilita estu la milito de la nacioj : mondmonarkio estas la volo de Dio. Sed ne ĉefpastro direktu ĝin — li montris sin nekapabla, — sed la imperiestro estas la

plej alta oficisto de l'Ĉiopovulo ; li faru ĝin vera : « *unu* ŝafaro kaj *unu* ŝafisto ! ».

Ĉiam denove resonas tiu ĉi ĉefideo de mezepoka mondpolitiko. Sed iom post iom ĝi aliformiĝas al tiu de mondrespubliko. Dubois postulas en 1306 internacian ŝtatligon, kiun koncilio starigu. En okazo de milito interpacigu arbitracia tribunalo, konsistonta el ekleziaj kaj laikaj juĝistoj. Pacrompantojn oni ekzilu.

Precipe la turka danĝero minacanta ĉiujn kristanojn admonas al unueco. La husita reĝo Podjebrad de Bohemujo deziras mondan popolligon, kies kunvena urbo estu Basel, kun internacia juĝdecido kaj liga kaso, al kiu la ĝisnuna eklezia dekono estu pagota.

Estas fenomeno ankoraŭ malmulte atentata, tiu ĉi giganta ideo de l'internacia organizo, kiu, herede-karakteriza por la homaro, malproksimiĝis de ni, ĉar la komenciĝanta moderna tempo ĝin unue forpuŝis.

Renesanco kaj Reformacio neniigis la penson pri la universala regno, detruis la unuecan konscion de l'okcidento, elvokis la individuan sentadon kaj akcelis tiel la prosperon de la naciaj ŝtatorganizoj. Se iam la Paco sur la Tero estis mem komprenebla idealo, oni nun kredis la militon nedifektebla «Dia mondordo». Anstataŭas la komunan kulturposedaĵon, kiu devus esti gardata, — stimulita per la almilitada politiko de Ludoviko la dekkvara — la pala penso pri la « eŭropa ekvilibro », kiu ankoraŭ en niaj tagoj estas la lasta saĝeco de multaj politikistoj.

Tamen ne silentas ankaŭ en la militaj jarcentoj, kiuj estas en la sango de ni, hodiaŭuloj, tiu celideo homece plej profunda. La filozofo monaĥo Campanella, la antaŭulo de Leibnitz, esperas en 1639 dum la granda religia milito oran epokon de la mondpaco sub papa potenco. Kaj ankaŭ en la etiko de la plej pacigema el ĉiuj filozofoj, Spinoza, ne mankas la postulo de la harmonio inter ĉiuj nacioj.

Sed nur la raciisma tempo lasas maturiĝi tion, kio iam estis nur sentado kaj kredado, al serioza pripensado. En la 18-a jarcento verkas Saint Pierre faman libron pri ligo de la 34 kristanaj ŝtatoj de Eŭropo, inter kiuj regionaj ŝanĝoj dependu de la konsento de ĉiuj, ligaj ekzekutoj bridu la pacrompanton kaj la elspezoj de konstanta arbitracia tribunalo estu kolektotaj per matrikulaj kotizaĵoj. Voltaire trovis en tiuj tagoj de la ministraj militoj sufiĉe da kaŭzoj, moki pro tio sian idealistan samlandanon. Sed en la jaro 1795 reekprenis Immanuel Kant la oran fadenon, por daŭri ĝin ŝpini. En sia verko Al la Eterna Paco, li postulas koncize : la hodiaŭa kulturŝtataro ne plu bezonas esti ŝanĝata per militoj ; neniu pactraktato entenu la sekretan rezervon de estonta milito ; laŭgrada malarmigo de la nacioj ; neniu ne asociita ŝtato donu militpruntojn ; neniu nacio sin intermiksu en la internajn aferojn de la alia ; neniu rifuzu al la aliaj la gastrajton ». — Sed tio ĉio, tiel profetas la kritikisto de la racio, estas okazigebla nur per registaroj, kiuj estas respondaj al siaj nacioj ; per nacioj, en kiuj regas « respublikana spirito » tio estas libera regnana karaktero.

Kiam Kant tion skribis, staris jam la milita dio Napoleono antaŭ la pordegoj. Kaj denove ŝajnis la maldolĉa realeco moki la noblan ideon. Kion, simile kiel Kant, Fichte, Schelling, Herder konsideris kiel mondracian, disfluis en la sovaĝa estanteco. La mortanta Schiller estis prava : La jarcento malfermiĝas kun mortigo.

Kiam fine la milita nesatigeblulo estis venkita, ekaperis la Sankta Ligo, certe romantika fantomo, kiu celas ke la mondpaco estu garantiota nur per la patriarka saĝeco de kronportantoj, sen la rajto de la memstariĝintaj nacioj.

Ankoraŭ cent jarojn pli malfrue, kaj la ideo de la internaciaj organizoj transiris antaŭ niaj okuloj en tute novan fazon. Jam hodiaŭ ne nur rilatiĝas al religia kredo pri la solidareco de ĉiuj, kiuj havas homan vizaĝon ; ne nur al filozofiaj konsideradoj pri internacia jurŝtato : ni staras antaŭ la fakto de fizika kaj intelekta alproksimiĝo de ĉiuj popoloj de nia ĉiam plimalgrandiĝanta terglobo, kiu kreis senfinan suficegon da komunaj interesoj, detruis barilojn, transpontigis fosojn kaj kondiĉis reciprokan komprenon. Ĉiam pli profunde konscias ankaŭ la kontraŭulo, ke la organizemo de la naturon venkanta homaro celadas fari el la malsamaj rasoj kaj nacioj membrojn de unu komuna korpo, de l'giganto « homo » kiu havas ĉiun kaŭzon, venki la infanmalsanojn de la memdetruo. La senmezura supereco de malamikaj elementoj, la trohomeco, kiu nin interne subentiras ; la misteroj de l'estado, kiuj ordoneme postulas solvon — jen la komunaj kontraŭuloj, kiuj nin devigas, ne malŝpari fortojn en la propra bivako, sed antaŭeniri en sensanga konkursbatalado de ĉiuj kontraŭ ĉiuj. La alflua ondo de l'internacieco altiĝas nehaltigeble. La propreco de la nacioj ne sufokos ĝin, sed enordigos ĝin al la servado de la granda organismo, al kiu ni devas kredi, se ni kredas al ni mem !

Kaj kiom da niaj samtempuloj pensas interne pri tio ! Sed ili rigardas kiel danĝerete en la nunaj tempoj laŭte ĝin diri.

WALTHER NITHECK-STAHN,

El Düsseldorfer General-Anzeiger

Trad. N. Barthelmess (Düsseldorf).

# Liberaj Vortoj

## Kiel oni respondas al ni

En niaj artikoloj pri la Organiza Demando, ni penis resti kiel eble plej objektivaj, lasante flanke la personojn kaj citante ĉefe faktojn kaj ciferojn, ĉar ni opinias, ke tia demando devas esti esplorata ne nur sub ĝia teoria aspekto (kiel faris la plimulto), sed ankaŭ sub ĝia praktika aspekto, speciale financa — ĉar, fine, de tiu lasta dependas la vivo de niaj organizaĵoj.

D-ro Smulders, en ĉie dissendita broŝuro pri la « Internacia Organizo de la Esperanto-Movado » penas respondi al ni, sed anstataŭ same respondi per faktoj aŭ ciferoj — se eble, — li preferis pure teoriajn konsiderojn pri neta diferencigo inter per- kaj poresperanta movado, kaj precipe personajn insultojn. Jen estas specimenoj de liaj « argumentoj » :

U. E. A. estas uzata de personoj, kiuj pro personaj antipatioj volas kontraŭbatali la ideojn kaj laborojn de meritplenaj Esperantistoj. U. E. A. fariĝis la ludpilko de falsaj amikoj, kiuj ne pro simpatio, sed pro propra intereso karesas ĝin kaj eniriĝas ĝin neĝustajn vojojn (paĝ. 9).

U. E. A. flatita de tiuj malbonintencaj ambiciuloj (!) lasas sin uzi por eklipsigi « eĉ la plej gravan eminentulon », kaj por ebligi ŝteliran kaj kontrabandan enkondukon de falsitaj Esperanto-Komercaĵoj (??) (paĝ. 10-11).

U. E. A. estas nur produktaĵo de la Esperanto-Movado, ne la Esperanto-Movado mem, kiu estas internacie organizota ; ĝi estas la fabrikaĵo, ne la fabriko pligrandigota ; ĝi estas la libro, ne la verkisto pliperfektigota. Ĝi ĉesu uzigi sin kiel ludpilkon, per kiu oni klopodas renversenĵeti la organizan demandon, por haltigi tiel la naturan evolucion de la Esperanto-Movado (paĝ. 13).

Ĉesu la trompo, ĉesu la trudemo de U. E. A. Ĉesu la terurismo de U. E. A. kaj de ĝia diktatoro.

Kaj ĉar S-ro Hodler tiel aŭtokrate volas altrudi al ni perforte *(sic)* sian hibridaĵon, kaj ŝajnas, kvazaŭ la Esperantradikmoj (!) estas elpensitaj por konfuzi malsamajn aferojn, kaj li pro tiu konfuzo

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## Impresoj el Galicio (1)

III

Mi volas neniun lacigi, nek ofici kiel gvidisto, per longa kaj seka nomaro de la funebraj monumentoj de la antikva nekropolo. Mi citos nur tiujn, kiuj logis mian atenton aŭ pro sia arta valoro aŭ pro la famo de tiuj, kiujn ili memorigas. Mi vidis sarkofagon de l'Reĝo Kazimiro IV Jagellonka, kies skulptbildo, kuŝanta, ŝuldata al la ĉizilo de Wit Stwosz, mirigas pro veremo. Ĉe la enirejo de l'preĝejo, oni haltas antaŭ bronza tombtabulo de Petrus Vischer. Mi ankaŭ vidis kaj admiris la monumenton al la reĝo Kazimiro la Granda, el ruĝa marmoro, sub gotika baldakeno, tiu reĝo kiu tiom laboris por Pollando, kaj kiu vere meritis la titolon : la Granda ; li elkonstruigis la ĉefpreĝejon kaj kreis la Krakow'an Universitaton ; la monumentojn al la reĝoj Johano-Alberto, Sigismundo III, Ladislavo IV, la maŭzoleon de la Sigismundoj kun tri marmoraj sarkofagoj. En la ĥorejo, alia bronza tabulo de Petrus Vischer, kun ĉiam la sama verkeco naiva, iom ŝanceliĝanta, sed kiel gracia, esprimplena, parolanta.

Malantaŭ la ĉefaltaro, tre simpla monumento memorigas al Johano III Sobieski, kies korpo ripozas en tombkeleto ĉe la subterajo. Kradita pordo kondukas de la ĉefpreĝejo al la malnova kapelo de l'kastelo en la reĝaj kontruajoj, kie la reĝo aŭdis meson en ruĝmarmora trono. En tiu kapelo estas la maŭzoleo de l'reĝo Stefano Batory.

Tra mallarĝa ŝtuparo, oni malsupreniras al la plej sankta sanktejo : malvasta subtera preĝejo, en kiun, aparte, la pia patriotismo de tiuj, kiuj ĉiam esperas, kunigis por ilin pli dece honori, la korpojn de l'tri plej bravaj Poloj : la reĝo Johano III Sobieski, venkinto de l'Turkoj, Josefo Poniatowski, kiu dum la unua franca imperio per sia bravo kaŭzis efemeran revivigon de sia patrolando kaj Tadeusz Kosciusko, la heroo kiu en 1794 preskaŭ savis Pollandon.

Fine, se oni eniras la sakristion, diligentaj servistoj detale admirigas la faman Trezoron. Tio estas tre kurioza. La trezorejo de l'Krakow'a ĉefpreĝejo entenas, inter aliaj, la juvelojn de la Polaj regnestroj ; kvankam grave difektitaj de l'tempo, ĉiuj tiuj objektoj neimageble riĉegaj, facile donas ideon pri la senekzempla lukso, la vere orienta pompo de la tiamaj reĝoj.

Tie ni vidis la Polregnan sceptron el masiva oro tute kovrita per ĉiukoloraj multekostaj gemoj ; ankaŭ el masiva oro kun dissemitaj smeraldoj kaj rubenoj dikaj kiel juglandoj (2), estas globo kuŝanta sur kuseno el karmezina veluro; la glavo, aŭ pli ĝuste la glavoj, estas neimageble altvaloraj, iliaj preniloj kaj ujoj malaperas sub la radiantaj ŝtonetoj, sabroj memorigantaj pri Azio pro siaj formoj kaj sia ornamo, estas pluraj modeloj de la reĝa krono el oro kaj dikegaj gemoj... estas ankaŭ oraj kaj arĝentaj relikvujoj, el kiuj kelkaj estas belege ĉizitaj ; pokaloj, ponardoj, meslibroj... fine pompaj vestoj el oro, el silko, el perloj, el veluro, el gemoj...

Tiaj riĉajoj elvokas ion alian ol morton. Efektive, antaŭ ol entombiĝi en la sankta nekropolo la reĝoj en Pollando estis ĉi tie ricevintaj la oficialan ordenigon : la kronado kaj la sanktigo okazis en la Krakow'a ĉefpreĝejo.

La teraso antaŭ la ĉefpreĝejo superstaras la malrapide fluantan Wisla'n, kiu serpente ĉirkaŭas la urbon; la vido ŝvebas super multego da ruĝaj aŭ grizaj tegmentoj, kaj malproksime perdiĝas sur malalta verda monteto, Monto Kosciusko, konstruita de homaj manoj je l'honoro de la pola heroo. Tiu monto, pia kreajo de neestingebla patriotismo, memorigas pri antikvaj naciaj kutimoj... Ĉe la alia flanko de l'kastelo sin iom levante, oni ekvidas malproksime la Krakus Monton, alian verdan monteton, antaŭ longa tempo, laŭ diro, konstruitan je la memoro de Krakus, pridubinda fondinto Krakow.

Tute apud la ĉepreĝejo estas la Kazimierz, la malnova « ghetto » aŭ judkvartalo. Ĝi ŝuldas sian nomon, al la memoro pri la reĝo Kazimiro III, kiu malfermis al la Hebreoj la pordon de Pollando tiam, kiam la aliaj landoj de l'kristanaro ilin forpelis. Depost la pratempoj, kiam ili alvenis en tiun landon, la Izraelidoj sin tiel multobligis, ke ili estas en Krakow kaj en tuta nordokcidenta Galicio tre grava parto de la loĝantaro.

En la stratoj de Kazimierz svarmas la judaj loĝantoj ; tie mi retrovis la kuriozan aspekton de la stratoj en Oswiecim ; junaj Eljacinoj, brunaj Efraimoj, maljunaj Jakoboj sin renkontas kaj sin sekvas laŭ senintermankaj vicoj, ĉiuj mal-

(1) Vidu *Esperanto*, n-oj 124 kaj 126.

(2) Por respekti la veron, mi devas aldoni, ke la plejmulto el la dikaj gemoj en la Trezoro estas falsaj ; iam ili estis veraj... sed defalanta Pollando, kaj kredeble Aŭstrio depost la kunligo, efektivigis sinsekvajn anstataŭigojn (N. d. l. v.).

---

pensas enirigi la Esperantistojn plej danĝerajn vojojn, kiuj nur povas alkonduki al sklaveco de la Esperanto-Movado sub la jugo de U. E. A. pro tio mi, post legado de la artikolo de S-ro Vermaas en la Julia Hol. Pion., sentas min devigata protesti kontraŭ tiu — mi preskaŭ skribis : perfida, sed almenaŭ — ne pripensita kaj trompiga kaj konfuziga kaj ambicia agomaniero. Se tio daŭrigas, oni rajtas kredi, ke U. E. A. estas nur embusko, ruze antaŭpreparita (1) por kapti la senpripensajn Esperantistojn (paĝ. 21).

U. E. A. estas la plej granda el la aplikaj organizajoj ; ĝi tamen ne pli ol la plej malgranda kaj sensignifa el tiuj organizajoj povas esti la bazo de la internacia organizo de la Esperanto-Movado.

Cetere la 25-jara Esperanto-Movado jam de longe staras sur propraj piedoj kaj tute ne bezonas la kelkjaran Asocion U. E. A. kiel infanetveturilon, nek la estraron de U. E. A. kiel infangardistineton (paĝ. 21).

S-ro Cart kaj S-ro Hodler senĉese preparas en siaj fabrikoj la eksplodpulvon, el kiu S-ro Lamant c. s. fabrikas siajn bombojn, kiujn li ĉie jetas anarĥistmaniere en Esperantuja kampo, por ruinigi la fortikajojn de Esperanto (2). Sed feliĉe la pacema kaj ordema plimultego fine klopodos finigi ilian terurismon (paĝ. 26) (3).

Ni respondos al D-ro Smulders, kiam li uzos ĝentilan tonon. Dume, ni volonte informas la personojn, kiuj volus legi tiujn belajojn en la teksto mem, ke la dirita broŝuro estas mendebla, Prins Hendrikstraat 93, Hago, po dek spesdekoj.

H. H.

(1) Se la embusko estus *post* preparita, la afero estus multe malpli timinda.

(2) Ni esperas, ke la Krakova policistaro arestos tiujn teruristojn tuj ĉe ilia alveno, kaj tiel savos la Esperantistaron de la mortiga danĝero, kiu minacas ĝin. (Red.)

(3) Tiun iom pale krudan intelektan produktajon, la « Oficiala » Gazeto (Parizo) afable konsentis lumetigi per kelkaj radioj el la blindiga brilo de Sia « Oficialeco » ; sekve, Ĝi bonvolis opinii kaj informi (paĝ. 40) Siajn kelkajn legantojn, ke « la stilo *(sic)* de la broŝuro estas perfekta...». Kompreneble ! ! !

rapidaj, seriozaj, kun bastono ĉe la mano, kun buk oj ĉe la oreloj, kun cilindra ĉapelo sur la kapo, enigmaj vizaĝoj!

Tie en la granda urbo, tamen ne ĉiuj havas la saman malpuregan uniformon, kiu nin miregigis; kelkaj, kredeble ne la plej riĉaj, sed la plej modernemaj, surhavas kitelon el atlaso aŭ el maldika drapo, silkĉapelon kun perfektegaj rebriloj, zorge frizitajn koralkroĉantajn buklojn, sed verdire tiaj estas nur esceptoj, kaj la aliaj multegaj estas tiel malpuraj kiel tiuj en Oswiecim.

Inter la plej interesaj, mi devas citi la preĝejon de l'Dominikanoj, faman pro ĝia monaĥejo. Enirante la navon, oni vidas tombtabulon de Petrus Vischer. Kiam mi vizitis la preĝejon, okazis diservo: la sanktejo estis tutplenigita de fideluloj, kiuj, procesie, aliris la ĉefaltaron, kie pastro mantenis oran relikvujon, kiun li laŭvice kisigis de ili. Ni ricevis impreson, ke la fervoro ne jam forlasis la Polojn, certe ne jam.

La monaĥejo, datuminta de la XIII-a jc., estas vere bela; ĝi enhavas tre multajn funebrajn ŝtonojn.

Iun matenon, kun vigla apetito pro niaj multaj promenoj kaj vizitoj en la kurioza urbo, ni tagmanĝis en la restoracio Hawelka, ĉe la Rynek. Ĝi estas nacia restoracio, kie oni servas laŭ pola modo, ĝi ankaŭ estas spicvendejo zorge aranĝita. Oni eniras tra la spicejo, oni paŝas inter du vicoj de bonodorantaj fruktoj kaj de ĉiukoloraj peklujoj, oni eniras trinkejon-restoracion laŭ moskva modo, kie multaj klientoj, starantaj antaŭ longa alta tablo kovrita per « zakowski » (1) manĝas rusajn almanĝajojn, trinkante helan bieron. Fine oni alvenas en ĉambron, kie estas tabloj, kaj kie oni manĝas sen tablotuko kun paperaj buŝtuketoj.

La saman tagon posttagmeze, mi vizitis la Universitaton. Tra la stratoj, larĝaj aŭ mallarĝaj, ni ĉiam miris pro la ekskluzive pola karaktero de tiu urbo. Ĉiuj stratnomoj, la magazenaj elpendaĵoj, la afiŝoj, la oficialaj avizoj estas pole skribitaj, kaj nepre nur pole. La manko de kafejoj (ĉi tiuj kaŝiĝas en mallarĝaj arkajaj melhelaj ĉambroj, ĉe kortoj, aŭ ĉe etaĝoj de malnovaj domoj) donas apartan aspekton al tiuj stratoj.

La Krakow'a Universitato estis kreata en 1349 de Kazimiro la Granda. Pola ĝi restis post la malapero de Pola Respubliko: la kursoj ankoraŭ nun estas farataj en pola lingvo. Post kelkaj provoj, ŝajnas ke Aŭstrio tie rezignis sian sistemon de germanigo, kiun ĝi uzas aliloke, cetere kun malmulte da sukceso. Eĉ ĉe la lernejoj, la instruado estas ĉiam farata en pola lingvo.

La nova Universitato estas tute moderna monumento, en 1887 konstruata. Vera admirindaĵo laŭ gotika arto, propre, estetike gotika, estas la palaco de l'malnova Universitato, kiu estis elkonstruata en 1492. Pintarkstila eksterajo; interne admirinda korto kun galerio ĉirkaŭiranta ĉe la unua etaĝo, antaŭtegmento kun malnovaj bretoj el skulptita ligno, altreliefoj, malsupre pintarkajoj kaj ŝtonaj kolonetaroj; la aspekto estas tiu de la plej belaj monaĥejoj en Ital aŭ Franclando. La mezo de l'korto estas ornamita per moderna statuo al Kopernik, kiu iom ofendas en tiu ŝatinda mezepoka ornamaĵaro. La malnova Universitato enhavas la Jagellonan Bibliotekon, kie estas kunigitaj pli ol kvarcentmil polaj verkoj aŭ manuskriptoj.

Ankaŭ tre interesa parto de Krakow: la pordego Sankta Floriano, unu el la lastaj restaĵoj de l'malnovaj fortikaĵoj, kiuj ĉirkaŭis la urbon je la epoko de la reĝoj. Antaŭ la pordego, oni vidas kvazaŭan strangan rotondon, el ruĝaj brikoj kun embrazuroj kaj fenestretoj, kun gotika pordo; ĝi estas la Barbakano (G. Rondel). Ĝi ŝajnas fortikaĵeto, reduto. Tiu konstruaĵo utilis kiel antaŭpordego, ĉar tie estis la ĉefa enirejo de la urbo. Ĝi estis konstruata je la fino de l'XV-a jc.

Ĉirkaŭe, la malnovaj remparoj estis ebenigataj, la tranĉeoj plenŝutataj, kaj el tio rezultas tre bela promenejo plantita per arboj, kaj pro tio nomita: la Plantejoj.

Ne malproksime staras la preĝejo Sankta Floriano, kun altarplataĵo de Wit Stowsz. La palaco Czartorizki estas apud la Plantejoj. Ĝi enhavas belan kolekton da armiloj, ŝtofoj, brodaĵoj, mebloj, juveloj kaj precipe da pentraĵoj de ĉiulandaj artistoj.

Ni loĝas en palaco: nia Grand-Hôtel mem estas en iu palaco Czartorizki, kaj tamen neniu ideo pri potenco travagas niajn revojn.

. . .

...Niaj legantoj do vidas, ke, veturinte al Krakow, ili ricevos neordinarajn impresojn kaj nekompareblajn ĝuojn. Ni esperas, ke tio instigos multajn el ili ĉeesti la Jubilean Kongreson.

Kun permeso de la aŭtoro, S-ro Marge,
trad. L. Poncet (Konsulo, Lyon)

## Moravio

*Dediĉita al Kongresontoj.*

La kongresanoj, kiuj veturos sur la linio Wien-Krakow aŭ Praha-Krakow tra Moravio, certe haltos en ĉi tiu lando interesa je multaj vidpunktoj. El tiuj mi volas priskribi la ĉefajn vidindaĵojn (Moravio, aŭstria lando, posedas 2 1/2 milionojn da loĝantoj, kies tri kvaronoj estas Bohemoj, unu kvarono Germanoj).

Precipe la sudorienta limo najbara al Hungarujo estas interesa. Sur fervoja karto, vi trovos tie tri urbojn posedantajn atributon « hungara »: Uherske Hradiŝte, Uhersky Brod kaj Uhersky Ostroh, ĉar ili estis fonditaj en XIII jarcento de bohemaj reĝoj kie! fortikaĵoj kontraŭ hungaraj invadoj. En ĉi tiu vinkultura regiono loĝas belkreska kaj flamema bohema gento « la Slovakoj » kiuj spite de proksimeco de dumiliona ĉefurbo Wien kaj spite de ofta vojaĝado konservis riĉan nacian kostumon kaj kutimojn tre interesajn. Ili kantas en sia belsona dialekto ĉarmajn naciajn kantojn, scias arte ornami la eksteron de siaj originalaj dometoj, delikate brodi kaj lerte pentri paskajn ovojn. En labortago tamen vi nenion vidus; tial vizitu la urbon Uherske Hradiŝte (stacidomo de rapidvagonaroj sur linio Wien-Krakow), aŭ alian nur dimanĉon matene kiam la vilaĝanoj kunvenas al meso. Vi admiros fajrajn kolorojn sur kostumoj, kie silka brodaĵo alternas kun la ora. Entute 28 diversaj specoj kostumaj, preskaŭ en ĉiu vilaĝo alia, troviĝas en Slovakujo. Precipe vidinda, sed iom malproksima de fervojo estas la intermonta katolika vilaĝo Velka (pli ankoraŭ la protestanta Javornik, kie la dioservo faras mezepokan impreson) ambaŭ jam apud hungara limo. Vi jesos, ke du moraviaj pentristoj Mucha kaj Uprka rajte atentigas samnacianojn kaj fremdulojn pri arta kapablo de Slovakoj.

Por vidi stilon de slovaka vilaĝa dometo ornamita per pentraĵoj vizitu antaŭurbon de Uhersky Ostroh (Predmesti Uh. Ostrohu).

La tria egale kostumriĉa urbo Uhersky Brod estas naskiĝloko de glora pedagogo Ian Amos Komensky (Comenius), kies nomo estas plensignifa ankaŭ en historio de internacia lingvo, ĉar li jam en 1641 rifuzis akcepti latinan lingvon kiel internacian kaj rekomendis krei novan lingvon pli facilan ol ĉiuj. Li estis lasta episkopo de konata kristana sekto de « moraviaj fratoj » kiuj tre disvastiĝis malgraŭ persekutado, sed estis ekzilitaj en 1628.

La Kroatojn certe altiros la kolonio de iliaj samnacianoj, kiuj de 300 jaroj vivas sur sudokcidenta limo de Moravio en tri vilaĝoj (Nova Prerava, Frieŝdorf, Gutfjeld) tute izolite kaj konservis lingvon, karakteron kaj riĉegan nacian kostumon, kvankam ilia lernejo estas germana kaj la kulto bohemlingva.

En Slovakujo estas lokita interesa slava banloko kun mi-

(1) Diversspecaj almanĝaĵoj, inter kiuj precipe kaviaro.

neralakvoj portanta vokalriĉan boheman nomon Luhaĉovice kaj posedanta esperantan ferian kolonion. Naciaj kostumoj ĉiam videblaj. Ĉi tie aŭ en la fama sudmoravia parko en Lednice (Eisgrub) plej vasta kaj riĉa en Aŭstrio, aranĝitaj laŭ angla maniero vi povos ĝui belecon de promenadoj.

Ĉiun Francon, Ruson aŭ leganton de romano «Milito kaj Paco» de Tolstoj allogos la regiono apud Slavkov (Aŭsterlitz) kie en frosta decembra tago en 1805 okazis batalo inter tri imperiestroj. Sur batalejo staras bela monumento de paco, en urbeto troviĝas kastelo kun bildaro. La tuta lando ĝenerale estas plena de historiaj kasteloj konservitaj aŭ en ruinoj. En Brno precipe la vidinda Ŝpilberg kun subteraj kazematoj, kie ne vane suferis Silvio Pellico kaj la italaj « carbonari ». Aliloke en Moravio estas dissemitaj : la plej bone konservita historia Pernŝtyn, la antikva Buchlov, la plej vasta ruino Hukvaldy, la belsita Letovice, renesanca Plumlov kaj en ĉarma valo de rivero Dyje la kastelo Bitov kun memorajoj de hungara heroo Nikolao Zrino.

La turistoj vizitas du montarojn. En norda germana parto de Moravio la altajn Sudetojn kun la pinto Altvater. En orienta bohema parto la montaron Beskidy kun la legenda monto Radhoŝt, sur kies platajo staras pentrindaj vilaoj kaj hotelo en revivigita landa stilo. Proksime Roznov, banejo, kie oni kuracas per aero kaj ŝafa selakto. En ĉirkaŭajo loĝas Valaĥoj, paŝtista gento tre malriĉa, verŝajne veninta el Rumanujo.

Sed la ĉefa vidindajo estas teritorio en Centra Moravio nomita « la Moravia Karsto «, kun subtera rivero Punkva, kiu perdiĝas kaj reaperas 6 kilometrojn foreforminte subterajn lagojn. Fabelaj stalaktitaj grotoj en Sloup, paleontologia muzeo de ostoj el pli juna diluvia epoko (muzeo Knies), la plej profunda abismo en la tuta mondo Macocha (136 metroj) jen la mirigoj de tiu terangulo. La labirinton de subteraj koridoroj en Sloup preskaŭ egalas la stalaktitaj grotoj en Mladeĉ apud Litovel. La « Karsto » estas atingebla el stacidomo Rajec aŭ Blansko sur la linio Brünn-Praha.

Je vidpunkto paleontologia estas interesa la monto Kotuĉ kun grotoj Ŝipka kaj « Diabla truo » apud la pentrinda kastelo Ŝtramberk en orienta Moravio. Tie oni trovis la faman « makzelon de Ŝipka » de la unua homo (konservita en riĉa arĥeologia muzeo de sinjoro Maŝka en Telĉ). Sur la monto Kotuĉ sukcesis defendi sin kristanoj kontraŭ atako de Tataroj en 1241.

Industrie Moravio estas tre grava lando. La ĉefurbo Brno (Brünn) estas nomita « aŭstria Manchester » ; en Mor. Ostrava estas granda karbminejo, en Vitkovice fandejo, kie oni fabrikas ŝipkirasojn. La unua bohema urbo Prostejov estas monda centro de vestaja industrio kaj posedas interesan metalfrapistan fabrikon. El ĝia ĉirkaŭajo oni eksportas hordeon en tutan mondon. Produktoj el fleksita ligno en Bystrice kaj Vsetin.

Landa industrio estas reprezentata per teksejo de murtapiŝetoj (gobelenoj) en Valaŝske Meziriĉi kaj Roznov kaj per lignaj ludiloj valaĥaj aŭ de Drahany. Kompreneble oni ne povas denombri ĉion.

En plimulto de nomitaj urboj ekzistas delegitoj de U. E. A., kiuj volonte donos informojn.

Prof. R. Fridrich (Del. Prostejov).

EKSPOZICIOJ

## Granda Artekspozicio Dresden 1912

Kiu el miaj gelegantoj en la antaŭa jaro vizitis lagrandiozan Internacian Higienan Ekspozicion en Dresden kaj nun trairas la samajn salonegojn en la urba ekspozicia palaco por rigardi la nunjaran grandan artekspozicion, verŝajne ne rekonas tiujn ejojn. Kie en la antaŭa jara en simpla, neluksa maniero, tamen bonguste, estis montritaj miloj da objektoj diversegaj por instrui nin pri la higienaj bezonajoj iamaj kaj nunaj, kie ni admiris la altan staton de moderna scienco, kiu malkovris al ni la plej kaŝitajn sekretojn de l'naturo — en tiuj samaj haloj ni nun ĝuas ĉiujn ĉarmojn de la belartoj. Kaj kiom diferencaj ili estas, la antaŭjara kaj la nunjara ekspozicioj — unu fakton ili ambaŭ pruvas : ke oni en Dresden scias la arton ekspozadi ! Same racie kiel en la antaŭa jaro la higienon, oni nun prezentas al ni la arton, facilkomprenebla — tamen ne supraje, sufiĉe ampleksa kaj tamen ne tiom granda, ke oni dronus en la amaso de la elmontrajoj. Tiel oni ricevas bonan instruon pri la nuna arto en Germanujo kaj en najbaraj landoj, kaj ke la instruo ne estas monotona aŭ eĉ enuiga — por tio zorgas la ĉarma kadro, kiun kreis la aranĝintaj artistoj sub la lerta gvidado de la Dresdena profesoro *Gottharoz Küehl*. Ili kun plej alta gusto aranĝis por skulptajoj kaj la speciala fako, monumenta ornama arto vastegajn halojn kun minimumo da arĥitekturo kaj ornamo, kaj ili kreis ĉarmajn, luksajn salonojn kaj galeriojn por tiuj pentrajoj, kiuj postulas tiajn ejojn por sin montri efike. Permesu, karaj legantoj, ke mi image konduku vin tra tiuj ĉi ekspoziciejoj — mi esperas, ke vi estos kontentaj pri ĉio, kion mi prezentos al vi kaj ke en vi, ekestos la deziro, persone veni Dresdenon por vidi la grandan artekspozicion 1912 ; mi tiam estos volonte preta, esti via gvidanto efektiva.

Do ni eniru la palacon ĉirkaŭitan nun de parko en plej bela printempa ornamo, tra la ĉefpordego apud « Stübelater » kaj ni troviĝas en alta kupolhava rondhalo, en kies mezo staras nigrakolora statuego de la heroo Ruediger, skulptita de *Metzner* (Berlin) por Nibelungenfontano. Apudan ĉambron ni vizitas, ĝi enhavas modelon en natura grandeco de la « buĉista fontano » starigita antaŭ nelonge en la saksa buĉista urbeto Dohna kaj farita de *A. Hofer* (Dresden). Aliajn verkojn de la antaŭe citita Metzner ni vidas apude — ili senescepte estas vere monumentaj, jam per sia grandeco impresaj figuroj. Inter la Aŭstriaj skulptistoj ni speciale rimarkas *Jean Stursa* kaj *Karl Wilfertsch* (Prag.), la unua havas « rustikan » stilon, dum la dua en ĉiujn formojn metas preskaŭ troan delikatecon. La granda skulptajhalo estas ĉirkaŭita de galerioj, ilin trapasante nin frapas tre efika grupo de Leopardoj, kiun kreis *Otto Pilz* (Dresden) dum el diversaj laboroj de *Hermann Hohn* (*Munchen*) speciale plaĉas al ni statuo de kapreolo. *A. Oppler* (Berlin) montras figuron Eva ; de *Fritz Klimsch* (Charlottenburg) ni admiras kliniĝantan knabinon, nomitan « Orĥideo ». Ankaŭ ni rimarkas mirinde fidelajn portretskulptajojn, inter alie kapon de la Dresdena operkantisto N. Barij, skulptitan de lia edzino *N. Barij-Doussin*. La plej diversaj materialoj estas uzitaj por la proksimume 160 ekspozitaj verkoj, malofte kaj pro tio des pli citindaj estas skulptajoj en ligno (Kristo sur kruco, de *A. Lange* (Dresden) kaj en majoliko (diversaj birdoj de *G. Roemer* (München).

La skulptarto estas ĝenerale grandstila — tial ni nun eniras alian simile aŭ eĉ pli grandstilan fakon — tiun kiu temas pri « monumenta-ornama pentrado ».

En la unua salono salutas nin granda supraporda bildo de *V. Güfsmann* (Dresden) la « enirado de Jezuo en Jeruzalemo » en tre impresa maniero pentris *Paül Perks* (Dresden) la krucigadon kaj *Karl Schütz* (Dresden) Kriston sur kruco — prezentanta ambaŭ tiun grandan momenton de homara historia en reala, tamen edifa formo. *Hans Hannen* (Dresden) bonefikas per sia bildo « Sopirado » juna nuda viro ĉielenrigardanta, kies bruna haŭto kontrastas belege kun la blua ĉielo. Pli grandformataj ol la ĝis nun viditaj bildoj estas tiuj en la halo nun vizitata. Tie ni vidas ĉefe du grandajn longpentrajojn de *Franz V. Stük* (Munchen) kiuj montras multajn blazonojn de germanaj landoj kaj urboj en riĉaj foliornamajoj, inter kiuj moviĝas multaj tipaj figuroj postkurantaj la feliĉon. La aliajn murojn ornamas en alta simpleco verkoj de *A. Egger-Lienz* (Weimar) speciale

# ESPERANTISMO

## ONI KONGRESAS

**Kvina Kongreso de la Federacio de la Esperantistaj grupoj de Burgonjo kaj Ĵura.** — Ĝi okazis en Tournus, la 26-27 majo. En la ĝenerala kunsido ĉeestis : S-roj Boirac kaj Bord, honoraj prezidantoj, S-ro Dejean, prezidanto, la urbestro de Tournus, la prezidanto de la Societo de la Komercistoj kaj la Delegitoj de 18 grupoj. Laŭ la raporto de la kasisto, la buĝeto por 1911-1912 estis : enspezoj Sm. 463 58 ; elspezoj 408.24 ; en kaso, 55.34. La prezidanto raportas pri la ĝenerala agado de la Federacio ; ĝi enhavas nun 27 grupojn (5 novaj), 1.500 membrojn, 31 bonfarintajn membrojn. La elspezoj konsistis ĉefe el la eldono de la Bulteno sendata al ĉiuj membroj ĉiutrimonate, kaj el la vojaĝstipendio. Ĉi tiun jaron la stipendiulo estis S-ro Poncet (Bourg) ; al la 100 Sm. al li donacitaj de la Federacio, la grava ĵurnalo *Lyon Républicain* aldonis 80 Sm. : Imitinda ekzemplo !

Rilate al organiza demando, la raporto de la prezidanto rememorigas pri enketo farita en novembro 1911 (vidu *Esperanto*) inter la grupoj de la Federacio ; li opinias ke, laŭ la rezultatoj de tiu enketo la Federacio ne devas pagi opan kotizajon por aliĝi al la Krakova Kongreso, sed lasi ĉiun grupon libera decidi ĉu ĝi pagos aŭ ne, kaj konkludas jene : « Fine, de nia enketo eliĝas alia instruo, t. e. ke U. E. A. havas la estimon de ĉiuj kaj ke, kia ajn estos la estonta organizo, ni ĉiuj postulas ke ĝi neniel malhelpu la funkciadon kaj la disvastiĝon de la plej utila kaj de la plej laborema el niaj esperantistaj societoj ». Ĉiuj konkludoj de tiu raporto estis unuanime aprobataj.

S-ro Dejean estis reelektata prezidanto por 1912. La 6-a Kongreso de la Federacio okazos en 1913, en Auxerre.

Je la tagmanĝo ĉeestis 200 personoj inter kiuj la deputato Symian, kiu sin montris tre favora al nia movado. S-ro Th. Rousseau, Distr.-Del. oficiale prezentis la salutojn kaj bondezirojn de U. E. A. por la Federacio.

Posttagmeze okazis sukcesplena konkurso de florumitaj ombreloj, la unua en Francujo : S-ino Farges, la agema estrino de la Esp. Of. en Lyon, ricevis la 2-an premion pro belega ombrelo kun la tri literoj U. E. A. ; S-ino Bord, honora prezidantino de la Federacio, ricevis 4-an premion. Vespere, tre aplaŭdita koncerto en la teatro, kun paroladeto de S-ro Chavet, pri Esperanto, la lundon, brila kavalkado, en kiu oni admiris la ĉaron de Esperanto, kaj vizitoj al la vidindajoj de la urbo (Greuz'a Muzeo, romana baziliko, k. a.) finis tiun neforgesindan kongreson. — T. R.

**Rodana Federacio.** — En la beleta banurbeto Charbonnières, apud Lyono, okazis dimanĉe 23-an de junio, la ĉiujara Kongreso de la F. E. R. ; multaj samideanoj partoprenis tiun grandan feston.

Je la 9-a 1/2 matene kunvenis la Delegitoj, konsuloj, esperantianoj de U. E. A. de la Sud-Orienta Distrikto, sub la prezidanteco de S-ro Gabert, Distrikta Delegito, kiu legas raporton pri ĝenerala situacio de U. E. A. kaj pri la distrikta situacio ; poste oni interŝanĝas ideojn pri la estonta agado (rondiranta kajero, gvidfolioj, afiŝoj, plialtigo de la kotizajo, k. t. p.).

Je la 10-a 1/2 okazis la granda kunveno de la F. E. R. Prezidis la tre simpatia D-ro Dor, kiu salutas la kongresanojn per kelkaj afablaj vortoj. S-ro Begel prezentas interesan raporton pri la morala situacio de la Federacio ; la ĉeestantoj decidas pri la kreo de komisionoj por la propagando kaj por la gazetaro kaj post kelkaj proponoj de S-roj Drudin, Thollet kaj Gabert, oni fermas la kunvenon.

Meztage, en ĉambrego de la Kazino, lukse ornamita, la Kongresanoj inter kiuj estas multaj sinjorinoj kuniĝas multenombre en granda festeno, kiun prezidas S-ro D-ro Girard, urbestro de Charbonnières, ĉirkaŭita de kelkaj eminentuloj de la regiona esperantistaro.

Dum oni trinkas la ĉampanvinon, S-ro D-ro Girard, tre sprite, dankas la Federacion kiu elektis la urbon Charbonnières por la Kongreso, kaj gratulas D-ron Dor pro lia jubileo kaj lia ordenigo. Oni aplaŭdadas. S-ro Dor, tre kortuŝita, dankas S-ron urbestron kaj petas ke la federacianoj daŭrigu iliajn klopodojn ĝis la fina venko.

S-ro Gabert, Distr.-Deleg. de Sud-Orienta Francujo esprimas en Esperanto siajn dankojn al la Komitato de la F. E. R. pro la helpo kiun li ricevis cele aranĝi distriktan kunvenon okaze de la kongreso ; li diras ke esperantistoj kaj esperantianoj apartenas al sama familio, ke ili ambaŭ efektive celas disvastigi la belegan lingvon de D-ro Zamenhof ; li esprimas la deziron ke ĉiam bela harmonio estu en tiu granda familio.

Post tiuj paroladoj la kongresanoj disiĝas en la Kazino aŭ por aŭskulti koncerton aŭ por viziti la interesan ekspozicion aranĝitan de S-ino Farges, kaj finiĝis tiu bela manifestado, kiu certe multe helpos por la propagando de nia kara lingvo en la regiono.

**Normanda Federacio.** — La 16-an de junio okazis en Louviers Normanda Esperantista Kongreso — Je la 9 matene la Lovera grupo kun sia prezidanto S-ro Bontemps akceptis la vizitantojn ; je la 10-a okazis la ekzamenoj kun S-ro D-ro Panel el Rouen je la 11-a okazis la laboroj kongresaj ĉeestis : la Rouen aŭ grupo (Prezidanto S-ro Guersent) : La Havra Grupo. (Prezidanto S-ro Mesny) : Sotteville (Rez. S-ro Cayeux) Oissel (S-ro Delalandre) Bolbec (S-ro Pitter), ktp. ; afable venis al ni la grupo de la Dek sepa el Parizo kun S-roj De Coppet, Bollak kaj Robert. En la festeno ni estis 70 poste okazis koncerto ; ludis « Heritage Klodarec » diversurbanoj ; oni multe aplaŭdis :

S-rojn Lesage el Louviers (S-ro Daufreville) ; Delalandre el Oissel (S-ro Georges). F-ino Genessaux el Louviers (S-ino

---

ni atentu la pentrajon « Reĝo Attila alvenas ĉe Kriemhild » kaj bildojn el la tirola milito 1807, kiuj eble plej bone esprimas la absolute propran stilon de tiu ĉi serioze laboranta artisto. Similajn impresojn vekas la nunaj pentrajoj de *Ferdinand Hodler* (Ĝenevo) ĉefe liaj bildoj por la retirado de Marignano; el lia pli frua tempo ni vidas du grandegajn bildojn el la Alpoj. *Herrmann Grell* (Dresden) reprezentas la pli malnovan manieron de ornama pentrado, montrante grandajn mur kaj plafonpentrajojn el la Dresdena Magistrata domo. *M. Denis* (Paris) en sia « Les premiers pas » rememorigas al Puvis de Chavanne, la sveda *Carl Larsson* ĉarmas nin per vivplena « Kampara festo ». Tutan muron preskaŭ okupas *E. Müller-Grafe* (Dresden), la de li ekspozita bildo « La banantoj » apartenas al serio de ses pentrajoj por la vestiblo de l'duka muzeo en Altenburg. Ni ankoraŭ citu de *O. Hettner* (Berlin) la « Niobidoj'n » kaj de *Emil Orlik* (Berlin) la brile pentritan frukt kaj florgrupon kun arĝentfazano, tiam ni forlasu tiun ĉambron kaj eniru la duoblan ĉambron, en ĉiuj detaloj ornamita de *Max Klinger* (Leipzig). Dum en la unua parto preskaŭ ĉiuj muroj de malsupre ĝis supre estas kovritaj per eble 60 pentrajoj kaj portretoj de la majstro, la dua ĉambro estas nur murornamita en ruĝa kaj nigra koloroj, krom tio ni vidas en tiuj ĉi harmoniaj ejoj knabinan marmorskulptajon kaj portretskulptajojn en bronzo fine oleopentrajon de fonto ; la tuto estas pruvo de la alta, preskaŭ universala genio de Klinger.

*(Daŭrigota).* (J. Karsch (Del. Dresden).

Drufreville); Fournier el Rouen (F-ino Marthe); Genesseaux el Louviers (F-ino Katarina). S-roj Barbou el Louviers (S-ro Rafæl); Grout el Surville (S-ro Lucien); Lebret el Amfreville (S-ro Josef).

Estis bona tago por Esperanto ĉar ĉio sukcesis dank'al laboro de la Lovera Grupo; oni dankis ĝian fervoran Prezidanton kaj donis rendevuon ĝis proksima jaro en Bolbec! — E. F.

**Kongreso de Esperantistoj el Moravio kaj Silezio**, okazis la 27-an de majo, en Prerov, grava urbo sen esperanta movado. Vere internacia Kongreseto, kie partoprenis 37 personoj el 19 lokoj. Honora prezidanto Ill. Dr. Barviĉ, aktiva S-ro Zlamal, por Bohemoj, F-ino Minarikova, por Germanoj, S-ro Rudolf von Lidl, por Poloj, S-ro Skulina, sekretarioj Urban kaj Sprinc.

Post diskuto oni decidis: propagandi pli lerte en gazetoj amikaj (kaj malamikaj!), antaŭ la Oka inviti esperantistojn en Moravion kaj eldoni gvidlibron pri la lando, fondi landan organizaĵon por Moravio, peti organizaĵojn en Praha, ke ili invitu Kongreson de U. E. A. en Praha en 1915, rekomendi esperantan Kolonion ferian en banloko Luhaĉovice, petskribi ke la aŭstria registaro enkonduku Esperanton en uzon de juĝejoj, peti U. E. A. ke bohemaj landoj formu du distriktojn.

Oni sendis salutan leteron al majstro kaj honorigis memoron de J. A. Komensky per bukedo kaj festa parolado de S-roj Krumpholc kaj Fridrich antaŭ lia monumento.

(Komensky jam en 1641, rekomendis krei novan lingvon artan pli facilan ol ĉiuj). Bela improvizita ekspozieto tre plaĉis.

Oni disiris kun ĝojo vokante: Je revido en Krakow!

R. F.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Marseille* (Franc.), kvartalo St-Barnabé, nova grupo « La Persistularo », naskiĝinta el kurso ĉe la sobreca kaj eduka societo « l'Athénée ».

En *Javoĵno* (Galicio, Aŭstrio), urbeto kuŝanta je 56 klm. de Krakovo, 20 polaj samideanoj fondis Esp. Soc. — T. P.

En *Buenos-Aires*, grupo « Semo », korespondas kun fremdlando kaj donas deziratajn informojn. Adresu: S-ro Antonio Barrot, poste restante, Correo central, Buenos-Aires (Arĝentina Respubliko).

En *Koloszvar* (Hungarl.), « Societo Esperantista », fondita de universitatanoj. Kunvenas en la nacia kazino de magnatoj kaj sinjoroj, Szentegyhaz -str. n-o 1, 1-a etaĝo. — S. K.

En *Moulin-Rouge* (Jura, Franc.), la « Asocio Esp. Dole'a » post parolado de S-ro Rousseau, Del. Dijon; en la unua kunveno (21 majo), parolado de la Del. S-ro Crébely, pri U.E.A.

En *Badalona* (apud Barcelona, Hispan.), post granda propaganda kunveno, en kiu parolis S-roj Pujula, Serrat, Rocamora, Nin, Dalmau. — J. A.

**Novaj kursoj.** — En *Salvador* (Brazil.) instruas al 40 lernantoj en la Universitato Ortologa, S-ro M. Sœndhal helpata de S-ro J. Grangette. — S.

En *Deusto* (apud Bilbao, Hispan.), post parolado de nia Del. S-ro R. Sauren, raportita en loka gazeto; 32 varbitoj.

En *Gummersbach* (German.), direktataj de S-roj Otte Brand kaj Schreiber. — S.

En *Ootmarsum* (Nederl.). Komenciĝis dua kurso tuj post fermo de l'unua. — C.

En *Ŝanghai* (Ĥinujo), 150 lernantojn ĉiuvespere instruas S-ro Lu Ŝi Ĉin. — K. Ĉ. Ŝ.

En *Bologna* (Ital.), nova kurso por instruistoj. — O. N.

En *Zarszyn* (Galicio, Aŭstrio), malfermita de S-ro Kuracisto Kazimir Lewinski, Del. U. E. A. — L.

En *Bozen* (Tirolo, Aŭstrio), post parolado en la komerca unuiĝo « Merkur », S-ro W. Wittek, komencis kurson por la membroj. Publikan kurson malfermis S-ro H. Sokol. — W.

En *Roznov p. R.* (Moravio, Aŭstrio), instruas 10 knabinojn de komunuma lernejo ,nia Del. S-ro A. Kudela. — K.

En *Santiago* (Hispan.), finiĝis en majo la kurso de S-ro S. Carro, ĉe Normala Lernejo; 34 lernantoj. — E. A.

En *Leon* (Hispan), ĉe Normala Lernejo, du kursoj de S-ro E. Amor; 60 ĉeestantoj. — A.

En *Rio de Janeiro*, ĉe la Brazila Spiritista Federacio, 35 lernantojn instruas S-ro Tosta. — C. V.

**Kunvenoj kaj Festoj.** — *Marseille*. — Komisiite de la Federaciaj Delegitoj en Nico por organizi la venontan Provencan kongreson, la grupo en Marseille elektis jenan organizan komitaton: Prez.: S-ro Rigoir; Vic.-prez.: S-ro Boell; Sekr.: S-ro A. Giraud; Kas.: S-ro Michel; Konsilantino: S-ino Tiard. Tiu komitato fidas al la helpo de ĉiuj federaciaj grupoj, kiuj bonvolu almenaŭ duonmonate sendi raportojn pri Esp. vivo en sia regiono. — A. G.

En *Dresden* (German.), tre sukcesis la festo de la Sinjorina Soc. Esp. (8 majo) kaj tiu de la Esp. Unuiĝo Zamenhof (12 m.).

En *Prien* (Bavar.), 26 majo, kunveno de la Prienaj, Reichenhalaj kaj Salzburgaj Esperantistoj; 50 partoprenantoj; inter kiuj kelkaj el Munĥeno. — H. H.

En *Gorizio* (Aŭstrio), 30. junio festenis la Friula Esp. Unio la jubileon de Esp. kaj la fermon de la unua kurso. S-ro Chierego alportis la saluton de la Triesta Rondo Esp.; S-ro V. Pohusta parolis pri Esp. kaj U. E. A. — Ip.

*Frankfurton* a. M. vizitis 28-30 majo karavano da cent anglaj laboristoj studontaj la viv- kaj laborkondiĉojn en Germanujo; la Laborista klubo de Frankfurt ilin gvidis tra sindikatejoj, higieninstitutoj kaj al la naskiĝa domo de Gœthe. Poste, kvindek Germanaj laboristoj vizitos Anglujon.— K. N.

*Gibraltar*. — 2 julio, ĉe la Borso, ĉiujara kunveno. La jara raporto citas la vizitojn al la Esp.-Of. de ok samideanoj el Rus-, Franc-, Angl-, Saks-, Hispan-ujo kaj Usono. Novelektita komitato: Prez. S-ro A. Hasluck; Vic.-Prez. S-ro J.-M. Porral; Kas-sekr.: S-ro Ch.-J. Edwards, adreso: Church street. — E.

*Milano* (Ital.), 31 majo, ekzamenoj kaj ferma kunveno de la kurso de prof. Vincente Colonnese; prezidis D-ro L. Raimondo, de la Popola Universitato, kiu afable parolis pri nia celo. La ekzamenoj sukcesis; unu el la lernantinoj dankis pro lia laboro la kursgvidanton je la nomo de la kursanoj. — K.

En *Tomsk* (Siberio), 12 majo, dua ĝenerala kunveno de la Tomska Esp. Soc. kiu fondita en marto 1912, kalkulas nun 130 membrojn. La kursojn de tiu societo sekvas 54 lernantoj.

En *Hirschfelde* (German.), kunvenis la 12. majo dek Esp. grupoj por ekskursi en la Neisvalon. Agrabla tago! — R. P.

Al *Letchworth* ekskursis 20. junio, 14 anoj de la Cambridge'a Grupo por viziti la Ĝardenurbon; vespere, gaja akcepto ĉe la U. E. A. Del. en Letchworth. — F. A. G.

En *Dargaville* (Nov-Zelando), niaj samideanoj estis vizitataj de S-ro J.-S. Russell, Del. U. E. A. en Auckland; ili ekskursis al la Kroata Tendaro sur la gumkampo apud Te Kopuru; tie ili renkontis samideanojn Kroatajn, Bulgarajn, k. t. p. kun kiuj ili tre bone interkompreniĝis, malgraŭ tio, ke ĉiuj lernis Esperanton ekskluzive el sia nacilingva gramatiko (preskaŭ ĉiuj *unuafoje* interparolis kun fremdaj Esp-istoj). Oni tiuokaze fondis grupon (Wairoa Grupo Esp.), kaj donis al ĝi jenan komitaton: Prez. S-ro A. Gregory; Vic.-Prez. S-ro J.-M. Tolič; Sekr.-kas. S-ro N. Carryer. Post kantoj, deklamaĵoj, ktp., la Dargaville'anoj revenis al sia urbo, dankante la kroatajn samideanojn pro ilia gastemeco. La proksima kunveno okazos en Dargaville. — M. C.

∴ La 2-a de junio, datrevena tago de la publikigo de Esperanto, estas festita tiujare, kiel kutime, de ĉiuj samideanaj societoj; en nia lasta n-o ni raportis pri festaranĝoj en *Parizo*, *Memminren*, *Komarko*, *Pardubice-Chrudim*; same okazis:

En *Koloszvar* (Hungarl.), ĉeestis 18 samideanoj, inter kiuj

multaj studentoj el ĉirkaŭaj urboj. Paroladis S-roj de Rakoczy, Kevelzeŝ, Pozsgay, Madarasz. — S. K.

En *Madrid*, kun ĉeesto de multaj regionaj Esperantianoj. Oni telegrafe gratulis D-ron Zamenhof. — V. A.

En *Budapeŝto* (Hungarl.), sur Danuba Insulo S-ta Margareto. Krom kantoj, okazis ankaŭ parolado hungare de D-ro A. Giesswein kaj Esperante de D-ro Lorand; verdaj standardoj ornamis la restoracion de la festeno. Propagandiloj disdonitaj inter la publiko. — E. S.

En *Bologna* (Ital.), la Emilia Asocio Esp.; itale paroladis S-ro prez. A. Rossi kaj Esperante F-ino Linardi; sekvis deklamoj, kantoj kaj disdono de diplomoj al kursanoj. Danktelegramo estis sendata al la majstro. La festo finiĝis per dancado. — O. N.

En *Dresden*, sub la aŭspicioj de la Societo Esperanto kuniĝis reprezentantoj de preskaŭ ĉiuj urbaj grupoj en la kunstlerhaus. Krom ili rimarkiĝis altrangaj oficistoj de l'registaro kaj de l'armeo, lernejestroj, instruistoj, gazetistoj, eminentaj reprezentantoj de l'komerco kaj industrio. Post kanto de l'gevira horo « ĉieloj laŭdas la gloron de Dio » (Beethoven) parolis S-ro pastro Loesche (el Wurzen) pri Zamenhof kaj lia verko. S-ro D-ro Arnhold lin dankis kaj anoncis, ke li donacas al la Societo oleopentritan portreton de l'majstro; je la nomo de la societo ĝin danke akceptis la Prezidanto, S-ro Frenckell.

Posttagmeze, promenado en la ĝardeno de la Künstlerhaŭs kun diversaj amuzajoj; oni unuafoje prezentis teatrajon de S-ro Winkelmann, « Esperanta 5 hora teo »; fine, oni malfrue dancadis, kaj ĉiuj partoprenantoj en la balo ricevis kiel donacon medalon kun la portreto de D-ro Zamenhof; tio estis donaco de la firmo Glaser kaj filo. — J. K.

**Paroladoj.** — En *Krefeld*, Germanujo (12 majo), kaj *Osterath* (3 majo), paroladoj pri Esp. kaj U. E. A.; komenciĝis novaj kursoj. — B.

En *Dresden* (14 majo) kaj *Weinbœla* (15 majo), de S-ro Del. J. Karsch pri Krakovo. — K.

En *Innsbruck* (Aŭstrio). 31 majo, de S-ro Poncet, el Lyon, franclingve, ĉe la Sprachverein (Lingvo-klubo); temo : Literaturo, komerco, kaj turismo el internacia vidpunkto. La parolanto profitis la okazon por aludi pri Esp. kaj U. E. A.

En *San Francisko* (Usono), S-ro R.-E. Blackstone, 19. junio, ĉe la Virina Politika Klubo; 50 personoj; kelkaj aliĝis; lernolibroj venditaj. — B.

En *Temesvar* (Hungarl.), 9. junio de D-ro Kiss Janos, rektoro de la Budapeŝta Universitato, antaŭ eminenta aŭdantaro. — A. B.

**Distriktaj Esperantiaj Kunvenoj.** — *Londono.* — Grava kunveno okazis la 15. junio dum la Esperanto-Tago en Blanka urbo por ricevi raportojn de la diversaj Del. pri la progreso de U. E. A. kaj por konsideri proponon farotan pri la estonta funkciado de U. E. A. en Londono. Ĉeestis pli ol 200 membroj sub la prezido de S-ro H.-B. Mudie, prez. de U. E. A. S-roj Hipsley (Birmingham), Goodliffe (Letchworth), Wright (Northampton), Smith (Kettering), Boorman (High Wycombe), raportis pri la stato de U. E. A., en siaj respektivaj urboj. S-ro A. Epstein, el Invercargill (Nov-Zelando) transdonis la salutojn de la Nov-Zelandaj Esperantianoj. Poste, S-ro P. Blaise, D., faris la ĉefan proponon de la kunveno. Li unue pritraktis la vastajn kaj diversspecajn laborojn faritajn de la Del. por Londono, kaj konstatis, ke dum la pasinta jaro li ricevis pli ol 800 leterojn, skribis pli ol 1.500, pro la Antverpena Kongreso ricevis 436 kaj skibis 646 leterojn; krom tio li faris pli ol 300 servojn, trovis laboron por 9 personoj en Anglujo kaj alilande, ktp. Ĉio senpage kaj en sia propra tempo post la fino de sia laboro. Tiaj kondiĉoj ne povas daŭri kaj tial li proponis, ke por Londono oni havu pagitan sekretarion, kiu havus la devon respondi ĉiujn informpetojn, zorgi pri aferoj de membroj, akcepti eksterlandanojn, varbi membrojn kaj Entreprenojn, ktp. Li proponis salajron da 1.300 Sm. jare kaj ke por tion ebligi, kiel eble kaj multe da Esperantianoj pagu garantiajon de almenaŭ 10 Sm. jare, administrotan de speciala komitato. Je la diskutado partoprenis S-roj Peck, Mudie, Robertson, kaj rezolucio favora al tiu propono estis unuanime aprobata.

En posta kunveno de la Del. (21. junio), estis diskutata la elekto de sekretario kaj S-ro H. Epstein estis petata akcepti la postenon de salajrita sekretario de U. E. A. por Londono. Ĝis nun ĉirkaŭ 120 Sm. estas jam garantiitaj. Por la bona reorganizo de la servoj la Del. kunvenos ĉiusemajne dum la proksimaj ses semajnoj.

**Regionaj Esperantiaj Kunvenoj.** — *Praha.* — La regiona kunveno okazis la 11. junio sub la prezido de S-ro V. Kraus, Delegito. S-ro Hromada resumis la laborojn de U. E. A. dum 1911 kaj prezentis la nunan staton de la organiza demando kaj esprimas la opinion, ke solvo plej akceptebla kaj plej respondanta la bezonojn estus : pri aferoj propagandaj, por kiuj necesa estas komuna internacia kunlaboro, zorgu la kuniĝo de prezidantoj de la naciaj societoj; por ĉiuj aliaj aferoj bone servas U. E. A.; ni do kiel eble plej forte subtenu ĝin. — S-ro Kraus poste raportis pri la stato de U. E. A. en Praha kaj pri la diversaj servoj plenumitaj. — La kunveno elektis S-ron Berger, kiel Vic.-Del. kaj aprobis la elekton de diversaj fakaj konsuloj.

## OKAZONTAJ KUNVENOJ

### Esperantista Kalendaro

*Julio*

(9-12). — Kongreso de la « Esperanto Asocio de Usono » en *Boston.*

(27-31). — Kongreso de Germana Esperanto Asocio en *Danzig-Zoppot.*

*Aŭgusto*

Tria internacia katolika kongreso en *Budapeŝto.*

(4). — Jara kunveno de la Holanda Societo Esperantista : « La Estonto estas Nia » en *Utreĥt.*

(7-8). — Tria kongreso de Itala Esperanto Asocio en *Verona.*

(11-18). — Oka kongreso de Esperanto en *Krakovo.*

(11-18). — Tria kongreso de U. E. A. en *Krakovo.*

Unua hungarlanda kongreso Esperantista en *Budapeŝto.*

*Oktobro*

Dua Aŭstralia Esperantista kongreso en Melbourne.

(13). — Dekoka konferenco de la Esp. Federacio de Lancashire kaj Cheshire en Chorley.

C. O. de U. E. A.

### Programoj kaj informoj

*Itala Kongreso.* — Per la zorgoj de la « Verona Esperanto-Asocio », la 7 kaj 8 de Aŭgusto okazos en Verona la III Kongreso de la Italaj Esperantistoj.

La provizora programo estas jam kunmetita : interalie estos aranĝata propaganda ekspozicio, eĉ pri tio ĉiuj samideanoj estas varme petataj sendi kelkajn esperantajojn, resendotajn post la kongreso, se tion oni deziras.

La Komitato klopodas ankaŭ por bone aranĝi allogan ekskurson sur la pentrinda Lago di Garda. — La kotizajo por partopreni la ekskurson kaj la societan festenon ne estas ĝis nun fiksita, ĉar ĝi ŝanĝiĝos laŭ la nombro de la aliĝantoj.

La sezono estas tre taŭga por vojaĝi : ĉiu veturonta tra Italujo iru al la Verona kongreso ! Koran inviton !

Kiuj deziras aliĝi (2 Sm.) kaj ricevi pli detalajn klarigojn, bonvolu sin turni al *S-ro Michele Liverani*, via S. Silvestro, N-o 6 — Verona — (Italujo), Sekretario de la Verona Esperanto-Asocio.

## KRAKOVAJ KONGRESOJ

### Sesa cirkulero de la loka komitato

*Vojaĝo al Krakovo.* — U. E. A., organizas du karavanojn al la kongresurbo, el kiuj unu foriros el Parizo kaj la alia el Lyon. —

Ambaŭ partoj kuniĝos en Zurich kaj atingos Krakovon ĉu tra München, Salzburg, Wien, ĉu tra Innsbruck, Salzburg, Wien. — La aranĝo de la karavanoj estas komisiita al S-roj Poncet, Lyon, Schmid, Bern kaj Genermont, Paris.

*Fervoja rabato.* — La ministerio por fervojaj aferoj konsentis doni rabaton sur ĉiuj linioj de aŭstriaj ŝtataj fervojoj en tia formo ke uzante la rapidan vagonaron oni pagos la prezon de persona vagonaro kaj uzante la personan vagonaron oni pagos duonan prezon de rapida vagonaro. La rabato valoras unu semajnon antaŭ kaj unu semajnon post la kongreso Ĉiuj kongresanoj ricevos de la Komitato rajtigilon, kiu ebligos al ili la profituzon de la rabato. — La rajtigiloj baldaŭ estos dissenditaj.

*Subvencioj.* — Ĝis nun jenaj institucioj donis monhelpojn por la Kongreso : La urbestraro de Krakow, 5.000 kr. ; la ministerio por publikaj laboroj, 1.000 kr. ; La Krakova Sindikato de Komercistoj, 200 kr. — Krom tio promesis subvenciojn : la Turista Ligo en Krakovo kaj la Krakova komerca ĉambro.

*Reklamoj en la kongresaj eldonajoj.* — La kolektrajton de anoncoj por la kongresaj libro kaj bulteno en Germanujo, Francujo, Anglujo, Rumanujo, Italujo kaj Hispanujo ricevis la firmo : Tutmonda Anoncekspedo en Berlin, S. W. 48.

*Loĝado kaj manĝado.* — La kongresanoj. mendantaj ĉambron kun manĝoj ne estas devigitaj manĝi en la hotelo, ĉar la rajtigiloj por loĝado kaj manĝado estas tute apartaj. — Ĉi tiuj lastaj rajtigiloj povas esti laŭvole uzataj ĉu por aparta manĝado en la hotelo ĉu por komuna manĝado en restoracio.

La koston de la tuttaga manĝado montras la diferenco inter la prezoj de la tarifo « ĉambro kaj tri manĝoj » kaj la tarifo « ĉambro sen manĝoj », vidu la dorsan flankon de la aliĝilo. — La prezoj fiksitaj en la ambaŭ tarifoj estas nur maksimume kalkulitaj kaj la eventuala troa mono estos repagata al la kongresanoj en la Akceptejo.

Mendante la loĝejon oni nepre uzu la aliĝilon ĉar tio tre plifaciligas al la enloĝiga sekcio la registradon de la mendoj.

La kongresanoj estas speciale atentigataj pri tio, ke intencante serĉi loĝejon sen pero de la Komitato, ili facile povos sperti grandajn malagrablaĵojn, rilate al kiuj la Komitato prenas sur sin nenian respondecon. — La Komitato estas responda nur por loĝejoj menditaj pere de la enloĝiga sekcio, kiu ĉiurimede klopodas kontentigi la kongresanojn rezervante al ili nur bonajn kaj konvenajn loĝejojn.

La Komitato insiste petas ne prokrasti la mendojn de la loĝejoj, ĉar lastahore estos fizike neeble plene kontentigi ĉies dezirojn.

*La vegetaranoj* bonvolu en la aliĝilo fari konforman rimarkon, por ke la Komitato povu ĝustatempe fari necesajn aranĝojn kun vegetarana restoracio.

*Provizora programo de la Kongreso :*

*Dimanĉe,* la 11/8 : Inaŭguro de la Kongreso. — Vespere, komuna festmanĝo.

*Lunde,* la 12/8 : Kongresaj kunsidoj. — Vespere, Jubilea Festvespero.

*Marde,* la 13/8: Ekskurso al salminejoj en Wieliczka. — Vizitado de la kongresurbo. — Vespere, lumbildaj paroladoj.

*Merkrede,* la 14/8 : Kongresaj kunsidoj. — Vespere, teatraj prezentadoj : por unu parto de la kongresanoj en la urba teatro la tragedio « Mazepa » Ĉio en ordo » kabareto k. a.

*Ĵaŭde,* la 15/8 : Diservoj kun esperantaj predikoj en katolika kaj protestanta preĝejoj. — Manovroj de la Ruĝa Kruco. — Disdono de la premioj de la Literatura konkurso. — Vespere, balo.

*Vendrede,* la 16/8 : Kongresaj kunsidoj. — Vespere, teatraj prezentadoj(vidu : Merkrede). — Ambaŭ partoj de la kongresanoj ŝanĝos la teatrojn.

*Sabate,* la 17/8 : Finferma kunsido de la kongreso. Vespere, koncerto.

*Dimanĉe,* la 18/8 : Festa parado de la krakova garnizono, okaze de la 82-a. naskiĝotago de Imperiestro Francisko Jozefo I.

*Postkongresa ekskurso* al Zakopane, vizitado de Tatra montaro kaj plua vojaĝo al Budapeŝtaj kongresoj.

*Prezo de fervojaj biletoj de Budapest kaj Praha.* — Aldone al publikigita jam per unua cirkulero tabelo de distancoj ni komunikas la prezojn de fervojaj biletoj de ĉi tiuj du urboj al Kongresurbo :

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| de Budapest, | rapida vagonaro | II kl., | kostas K. | 33 60 | |
| | persona | — II — | — | 25 » | III kl., 16 10 |
| de Praha | rapida | — II — | — | 35 40 | III kl., 21 80 |
| | persona | — II — | — | 27 50 | III kl., 17 30 |

**GRAVA DEKLARO.** — La Komitato sciiĝis, ke iu dissemas malican famon, ke ni intencas aranĝi en Krakovo okaze de la Kongreso ian politikan manifestadon. Ĉar simila, evidente malvera, famo povas havi malagrablajn konsekvencojn, ni sentas nin devigitaj oficiale deklari, *ke ni aranĝas internacian, pure neŭtralan kongreson, sed ne ian nacian manifestadon.*

LA KOMITATO.

## TRIA KATOLIKA KONGRESO

La Organiza Komitato de tiu Kongreso, kiu okazos en Budapest la 18-22 de Aŭgusto sendas al ni la jenajn informojn :

La programo de la Kongreso estas jam decidita, sed ne definitive, se do iu el la partoprenontoj intencus priktrakti iun temon, oni povas enigi lian paroladon en la programon.

En la Kolegio Saint-Emeriko — hejmo de kat. studentoj, kiu estas malplena dum la somera libertempo universitata la kongresanoj havos senpagan loĝejon, nombre proksimume 300. Ankaŭ por sinjorinoj estos senpaga loĝejo en la Monaĥinejo Notre-Dame, por 25 personoj. Laŭ deziro de multaj eksterlandaj partoprenontoj la projekto pri ekskurso en la montaro Tatra. post la Krakova Kongreso, estas forigita el la programo de la Tria.

La kongresanoj, kiuj ĉeestos ankaŭ la VIII-an, forveturos el Krakovo la 17-a de aŭgusto vespere je 10 h., kaj alvenos Budapeston la 18-an matene je la 10 h. Aliaj kongresanoj, kiuj venos rekte, povas jam alveni pli frue la 16 aŭ 17-an, tamen ili estas petataj sciigi la tempon de sia alveno al la Organiza Komitato. Meze de aŭgusto la hungaraj fervojoj eldonas konsiderante la nacian feston je la 20-a rabatitajn biletojn Budapesten kaj reen.

18 aŭg. — Sta meso je 11 h., en la kapelo de la Kolegio Saint-Emeriko.

Poste komuna tagmanĝo.

Je 3 h. kunsido en la kongresa halo de la kolegio Saint-Emeriko. Priparolado de la aferoj de la I. K. U. E. Post la kunsido piedekskurso sur la proksiman monton Saint-Gerhardo por ĝui la grandiozan aspekton de la urbo.

19 aŭg. — Je 9 h. solena meso en la preĝejo de la Universitato, poste prediko.

Je 11 h. — Malfermo de la Kongreso en la Kolegio Saint-Emeriko. La malferma parolado de D-ro Aleksandro Giesswein, prezidanto de la Tria traktos *pri Esperantismo kaj Pacifismo.*

Poste komuna tagmanĝo.

Posttagmeze je 3 h. kunsido.

*Pri la antialkoholista movado* parolados S-ino Ida Horning, rilate al Hungarlando Po Johano Telekssy, rilate al Polujo Po Jozefo Szurek, rilate al Svisujo S-ino Milson.

Post la kunsido ni vizitos la Zoologian Ĝardenon.

20 aŭg. — Okazos la ĉiujara hungarlanda nacia festo de Sankta Stefano, procesio kun la sendifekte restinta dekstra mano de l'unua reĝo de Hungarlando. La kongresanoj partoprenos en tiu ĉi procesio. Renkontiĝo ĉe la Kolegio Saint-Emeriko je 7 h. matene.

Post la procesio esperanta, prediko en la preĝejo de la « St. Dekstra Mano ». Post komuna tagmanĝo je 3 h. kunsido. Cl. Colas parolados pri *Esperanto koncerne la unuiĝo de la kat. junuloj,* en la tuta mondo. Poste ni vizitos la insulon de Sankta-Margareto, kie okazos komuna vespermanĝo.

21 aŭg. — Je 8 h. meso en la kapelo de la Kolegio de Sankta-Emeriko. Je 9 h. kunsido. *Pri la unuiĝo de la Kristanaro* precipe koncerne la ortodoksa eklezio parolos P-o *Johano Kozma.*

Je la 11 h., ni iros al la solena malfermo de la I. Hungarlanda Esperantista Kongreso kiu okazos en la Nacia Muzeo.

Posttagmeze : Daŭrigo de la antaŭa temo.

22 aŭg. — *Pri la defendado de la eklezio kontraŭ atakoj de framasonoj*, parolos lia abata moŝto *Richardson*. Apologian paroladon faros *D-ro Johano Kiss*, papa prelato, rektoro de la Budapesta universitato. *Argumentado pri ekzisto de Dio* el vidpunkto de la matematikaj sciencoj, traktos *C. Voros*. Posttagmeze ekskurso sur monton tiel nomatan Svabhegy.

23 aŭg. — Je 8 h. — Meso. Fermo de l'kongreso. Poste Ekskurso en Esztergom rezideja urbo de lia Eminenco la primato- ĉefepiskopo de Hungarlando.

La esperantistaj gazetoj jam dissendis la aliĝilajn poŝtkartojn. Ni tre petas la aliĝontojn, ke bonvolu kiel eble plej baldaŭ sciigi nin pri siaj intencoj, por faciligi la preparajn laborojn.

Adreso : Kongreso de Katolikaj Esperantistoj, Budapest, Katholikus Szovetseg. IV. Ferenciek-tere, 7.

La Organiza Komitato.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Gvidlibroj kaj gvidfolioj*. — Okaze de la komenco de la oficiala fremdsezono, oni petas nin rememorigi, ke la gvidlibro de *Bad-Reichenhall* (Bavaraj Alpoj) estas senpage ricevebla de la Kurverein Bad-Reichenhall.

Jus aperis, eldonita po 10.000 ekz., tre plena ilustrita gvidlibro tra *Budapeŝto*, kiun verkis S-ro Geza Nynlaszy De Csaholy.

La germanlingva ilustrita gvidlibro tra *Weinbohla* (Saksujo) enhavas dupaĝan Esperantan resumon. Tiu resumo estis ankaŭ aparte eldonita kiel gvidfolio. Imitinda ekzemplo.

Sub la aŭspicioj de U. E. A.' jus aperis gvidfolioj tra *Rorschach* (Svisujo), *Mersseburg-Halle* (Germanujo) kaj *Česke Budejovice* (Bohemujo).

∴ *Urbo aliĝas kiel Esperantia Entrepreno*. — Al la celo uzi la servojn de U. E. A., por diskonigi la kulturhistorian kaj ĝardenkulturan ekspoziciojn, kiuj okazos dum la proksima jaro, la urbkomunumo Breslau aliĝis kiel Esperantia Entrepreno. Jen estas imitinda kaj diskoniginda fakto !

∴ *Esperanto kaj kongresoj*. — La 1-a Internacia Kongreso de kompara Patologio, kiu okazos la 17-23 oktobro en Parizo, akceptas Esperantan korespondadon. La Komunikajoj ankaŭ povos esti farataj en Esperanto.

Ĉe la 1-a. Internacia Kongreso de la nacieсoj, lastatempe okazinta en Parizo, S-ro Hermant faris interesan paroladon pri Esperanto. Plie, ĉar estis neeble ludi ĉiujn naciajn himnojn, oni ludis nur la « Espero ». Fine, la sama kongreso decidis sendi du delegitojn al la Krakova Kongreso. — L. M.

∴ *Esperanto-Konkurso Michelin*. — La plej disvatigata franca gazeto *Le Petit Parisien* akceptis baldaŭ konigi tiun konkurson al la publiko, kun la helpo de la revuo *Nos Loisirs*, kiu publikigos la detalan regularon. La ekzamenoj okazos dum Pasko 1913. Por ke la publiko konu kiel eble plej baldaŭ la centrojn, kie okazos la ekzamenoj, la grupoj, kiuj estus pretaj organizi tiajn centrojn, estas petataj tion konigi al la prezidanto de S. f. p. E. La organiza komitato konsistas el S-roj Rollet de l'Isle, prezidanto ; Chavet, sekretario ; Hignette ; de Saint-Martin ; Bourlet ; Cart ; Archdeacon.

∴ *Esperanto en Ĥinujo*. — La Sevilja Esp. Grupo antaŭ kelka tempo sendis al nia Del. en Ŝanghai leteron transdonotan al la Ministro de l'Publika Edukado de la Ĥina Respubliko kaj rilatan al la enkonduko de Esperanto. Tiu letero, kun ĥina traduko, estis komunikita de nia Del. al la ministro, kiu senpere respondis al la Sevilja Esp. grupo, dirante, ke la proponoj estos studataj kaj ke la registaro intencas fondi en Pekin'o « Oficialan normalan lernejon por adeptigi multajn Esperantistojn aŭ komencantojn ». La leteron Esperante skribis S-ro Tsai Juan Bek, ministro-sekretario. — T. S.

Ni rememorigas, ke estas en Ĥinujo jam 106 membroj de U. E. A.

La 1. Junio okazis en Ŝanghai parolado pri Esp., ĉe kiu ĉeestis pli ol 500 personoj. Oratoroj estis S-ro K. Ĉ. Sun, la fondinto kaj S-ro Kan Konfu, la ĉefo de 50.000 ĥinaj socialistoj, S-ro Strumensky (rusa advokato), S-ro Lu Ŝi Ĉin, Vicdel. de U. E. A.' kaj S-ro K. Ĉ. Ŝan, Del., kiu detale raportis pri U. E. A. Kvar Esp. kursoj funkcias en Ŝanghaj.

∴ *Esperanto kaj gazetaro*. — *The Daily Hérald*, la unua ĉiutaga socialista gazeto brita, jus publikigis Esperantan cirkuleron por trovi fidindajn korespondantojn en ĉiuj eksterlandaj urboj. — A. G.

∴ *Esperanto kaj ekspozicioj*. — La Universala kaj Internacia Ekspozicio de *Gent* (1913) jus eldonis belan panoraman vidajon kaj ĝeneralan planon kun Esp. teksto. Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro P-ro Vermandel., Del. de U. E. A., Borgerhout-Scherstraat, 72, Antverpeno.

∴ *Esperanto parolata !* — De kelkaj tagoj oni povas vidi ĉe la poŝtoficejo de Charleroi (Bureau du Centre) emaj lan afiŝeton kun la vortoj « Esperanto parolata ». Tiu bonega propagandajo estas ŝuldita al la afableco de la poŝtestro kies du aŭ tri suboficistoj esperantiĝis dank'al la senĉesaj klopodoj de la tieaj samideanoj. — L. D.

∴ *Grava paŝo*. — Bulgaraj samideanoj nin informas, ke laŭ oficiala cirkulero, la ministrejo de l'popola instruado aprobis la « Lernolibro'n de Esperanto » (de S-ro Iv. K. Krestanoff) kaj ĝin rekomendis al ĉiuj direktoroj de gimnazioj, progimnazioj, pedagogiaj lernejoj, kaj al S-roj distriktaj inspektoroj. Jen la unua certa paŝo al la enkonduko de Esp. — K.

∴ *Internacia Ekspozicio* okazos (1913) en Tilburg (Nederlando); laŭ peto de la tiea Esp. Kat. Klubo, la estraro konsentis presigi sur ĉiuj forsendotaj leteroj : « Oni korespondas Esperante ». — P.

∴ *Marvojaĝoj*. — Jam de unu jaro la ŝipoj de la « Orient Line », irantaj al Hindujo kaj Aŭstralio, aŭ de tie revenantaj, haltas dum kelkaj horoj en *Toulon* (Francujo). La tiea grupo starigis atendejon ĉe la elŝipiĝejo; ĉiufoje atendos samideanoj sur la kajo, se nur la fremdaj vojaĝantoj antaŭsendis poŝtkarton al la Del. de U. E. A. aŭ al S-ro Gunst, marista furiero, 19, rue de l'Arsenal, *Toulon* (Var) Franc. — A. F.

∴ *Monhelpo*. — En Tacoma (Usono) la Komitato de « Montamara Festo » voĉdonis al la Esp. Grupo 75 funtojn por ornamita veturilo montrota dum la granda festa parado. — L. W.

∴ *En Habana* (Kuba Insulo) alvenis juna angla Esp-iano dungita de grava firmo, sed ne scianta la Hispanan lingvon. Li sin turnis al la Delegito de U. E. A. kaj per tiu baldaŭ havis amikojn. Ankaŭ per Esperanto, nia Delegito lin instruis pri hispana lingvo.

∴ *La urbestro de Praha kaj Esperanto*. — La 31 majo, la urbestro de Praha, S-ro D-ro K. Groŝ, kaj kelkaj membroj de la komerca kaj industria ĉambro de Praha, vizitis la urbon Dubrovnik-Ragusa ; ĉar li estas konata kiel varma apoganto de nia afero en Praha, la Delegito de Dubrovnik, S-ro Rubĉiĉ, kiel Del. de U. E. A. bonvenigis lin skribe, kaj petis lin transdoni siajn salutojn al liaj kunvojaĝantoj kaj je la reveno ankaŭ al la Praha'aj samideanoj. S-ro D-ro Groŝ dankis per salutletero en sia nomo, en la nomo de siaj kunvojaĝantoj, kaj, kio estas atentinda, en la nomo de la Esperantistoj de Praha.

∴ *Esperantaj stipendioj*. — En la gazeto « Citizen » Letchworth (Anglujo) aperis la jena ĉefparagrafo je la 21 de junio :

« Plezure ni anoncas, ke la firmo Spirella » kompanio (fabrikantoj de korsetoj), oferdonas al la estroj de la popolaj lernejoj de Letchwosth, du stipendiojn kiuj valoras po 50 Sm. kaj kiuj estas donacotaj ĉiujare, konserveblaj de la gajnantoj dum la jaro. Unu stipendio estas por knabo, kiu studis Esperanton por lin instigi pri la lingvo, la alia por knabino kiu studis Esperanton aŭ laŭvole en-

la kudrillaboro..... ĉi tiu ekzemplo de stipendidonaco estas imitinda.

Sendube la instiganto de la stipenddonacoj estas S-ro J. Leakey la prezidanto de la kompanio kaj samtempe Esperantiano. — A. G.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Pola Esperantisto* (junio). — « *Letero de nia Majstro pri Rajtigitaj Delegitoj kaj pri la Centra Organizo* ».

En Antverpeno mi laŭte kaj tre klare demandis la esperantistojn, ĉu ili deziras, ke en niaj kongresoj ni de nun havu Rajtigitajn Delegitojn. Pri tiu demando, kiu ne estis ja starigita surprize, sed pri kiu ĉiuj havis antaŭe sufiĉe da tempo, por ĝin pripensi kaj priparoli, la grandega plimulto respondis per « jes ». Se la demando estus pri tio, ĉu la esperantistoj konfidas al mi la kondukadon de la tuta Esperanta afero, oni povus eble pensi, ke ili sinĝenas fari al mi malagrablaĵon ; sed ĉar la demando absolute neniom koncernis mian personon, tial neniu havis kaŭzon, por sin ĝeni.

La voĉoj kun « jes » prezentis tian frakase grandegan plimulton, kaj ĉe la tuj farita kontraŭpruvo la voĉoj kun « ne » prezentis tian bagatelan nombron, ke pri la volo de la kongresanoj povis ekzisti absolute nenia dubo. Ŝajnis do, ke ni havas plenan kaj absolute nedisputeblan rajton esperi, ke de nun ĉio estos en plej bona ordo, ke finiĝos la konstanta malpaco, kiu regis en nia tendaro dum la lastaj jaroj, ke de nun ĉiu dubo, koncernanta la tutan esperantistaron, estos solvata ne de apartaj demagogoj, kiuj altrudas al ĉiuj sian opinion aŭ deziron, sed de la esperantistaro mem, per iliaj ĉiujare kaj orde elektotaj delegitoj.

Sed ho ve, la espero nin trompis. Tuj post la Antverpena kongreso komenciĝis denove agitado kontraŭ la institucio de Rajtigitaj Delegitoj. La malkontentuloj kredigas, ke la decido Antverpena estis altrudita al la esperantistoj, ke oni ne sciis, pri kio oni voĉdonis, kt., ktp. Kontraŭ tiaj asertoj mi energie protestas kaj mi alvokas la ateston de ĉiuj, kiuj partoprenis en la kongreso.

Ne sole ia definitiva ĝenerala organizo, sed eĉ ia propono pri tia organizo ne estas ankoraŭ akceptita ; ĉio estas nun ankoraŭ studata. Neniu sekve povas dubi pri tio, ke la tuta atakado celas ne la ankoraŭ ne ekzistantan Ĝeneralan Organizon, sed nur la principon de kongresaj Rajtigitaj Delegitoj ; la malkontentuloj simple ne volas, ke la esperantistoj havu la eblon decidi pri siaj komunaj aferoj. Kion do ili havas kontraŭ la principo de Rajtigitaj Delegitoj ?

Ili timigas la esperantistojn, ke la Rajtigitaj Delegitoj forrabos de la esperantistoj ilian liberecon ! ! ke ili prezentos estraron, kiu donos al la esperantistoj ordonojn, metos sur ilin ŝarĝojn ! Pardonu min, sinjoroj, sed tia timigado estas ja tre stranga. Ĉiu komprenas ja tre bone, ke la esperantistoj ne prezentas ian regnon kun ĝendarmoj kaj neniu havas aŭ iam povos havi la forton, devigi la esperantistojn ion fari aŭ ion oferi. Por la personoj, kiuj povos ankoraŭ havi ian dubon, estas ja tute klare dirite ne sole en la antaŭparolo al la regularo pri Delegitoj, sed ankaŭ en la regularo mem, ke por privataj esperantistoj la decidoj de la Delegitoj havas absolute nenian devigon, sed ili elmontras nur la opinion de la plimulto por tiuj esperantistoj, kiuj deziras scii tiun opinion kaj kiuj propravole deziras alkonformigi siajn agojn al tiu opinio. Kiu ne deziras tion fari, tiun certe neniu devigos. Ĉiu senpartia homo komprenas, ke la ĉefa celo de la Rajtigitaj Delegitoj estas : doni al esperantistoj plenan liberecon kaj forton. Nun, nia afero dependas de kelkaj plej popularaj gazetoj, kiuj sugestias al la tuta esperantistaro siajn opiniojn, kaj tio (kiel montris ekzemple la historio de nia movado en Svedujo) en ia neantaŭvidebla okazo povus iam fariĝi tre danĝera por nia tuta afero. La institucio de Rajtigitaj Delegitoj, kiu donas al ni la eblon ĉiam informiĝi pri la opinio de la plimulto, celas liberigi la esperantistaron de tiu dependo kaj nian tutan aferon de tiu danĝero.

Ĉi tiu mia artikolo estos verŝajne mia lasta artikolo sur la kampo de esperantista diskutado. Pro kelkaj kaŭzoj mi de nun verŝajne neniam plu partoprenos en diskutado, nek en la kongresoj, nek en la gazetoj. En Krakovo mi tute certe detenos min de ĉia partoprenado en la diskutoj ; sekve tiuj, kiuj estas kontraŭ mia opinio, havas plenan povon kontraŭbatali ĝin per ĉiuj fortoj, ne timante, ke mi polemikos kontraŭ ili eĉ per unu vorto. Sed ĝuste pro tio, ke mi ne intencas plu diskuti, mi nun la lastan fojon klarigis mian opinion.

Mi atentigas pri tio, ke mi esprimis ne mian deziron, sed nur mian opinion, ĉar mia deziro estas nur unu : ke la Esperanta afero vivu kaj progresu sane, en kia ajn maniero tio estos. Se mia opinio estas erara, la esperantistoj forjetu ĝin ; sed ili faru tion en maniero orda, per regula voĉdonado (1). — L. L. ZAMENHOF.

∴ *La Esperantisto* (junio). — *La nuna stato de la organiza demando* (K. v. Frenkell) :

...Certe ŝajnas al mi plie ke la tasko reprezenti la Esperantistaron unuigi en la naciajn societojn, amike interrilati kun aliaj asocioj, apogi la jam ekzistantajn komitatojn k. t. p. nuntempe ne estas plenumebla per unu bato. Ĉar multaj ne ĝuste komprenas la reprezentadon, kelkaj el la naciaj societoj mem ne estas sufiĉe organizataj, la interrilatoj de la asocioj estas kelkfoje malamikaj, kelkaj el la komitatoj ne funkcias kiel ni ĝin deziras, kaj laste niaj kasoj ĝenerale montras deficiton anstataŭ la kapitalon necesan.

El ĉi tiuj faktoj rezultas nia nuna tasko.

Oni ne altrudu al la Esperantistaro ion je kio ne ĉiuj konsentas ; oni permesu al la personoj aŭ asocioj kiuj ne deziras ĝeneralan organizadon, resti ekstere, sed oni same permesu al la personoj aŭ asocioj kiuj ĝin deziras, fondi ĝin private.

Ni ĝin fondu, kiuj fidas je la valoro de ĝi, kaj ni montru ne nur per vortoj kion ni deziras sed per la ago kion ni povas kaj kion ni volas.

Se la asocio de korporacioj kiel privata Esperantista entrepreno saĝe kaj prudente kondukas antaŭen Esperanton, ĝi plenumas sian taskon, ĝi varbos per la sukceso, sed nur per ĝi, pli kaj pli vastajn rondojn, kaj fine ni havos la deziritan ĝeneralan organizon Esperantistan je la bono de Esperanto kaj kiel plej certa bazo por ĝia praktika uzado, kiel U. E. A. ĝin deziras. Ju pli frue ĝi kunfandiĝos kun U. E. A., des pli bone.

∴ En la nova literatura revuo *Kuruc Fældæn* en Kaŝŝa (Supra Hungarujo), 19 majo, artikolo de nia kunlaboranto S-ro J. Kozma pri « La 25 jara Esperanto », kun mallonga historio de internacilingvaj provoj.

∴ En *Auckland Star* (Nova Zelando) 1 junio noto pri la traduko de Genezo, de D-ro L. L. Zamenhof.

∴ En junia numero de *Bulletin de la Chambre Syndicale des Employés de Commerce de la Ville de Bordeaux* (Franc.), entuziasma raporto pri la parolado de S-ro Daire (8 junio).

∴ En la Dalmatia (Aŭstrio) gazetaro, S-ro Del. Rubčič, Dubrovink, publikigis diversajn artikolojn : en *Prava Crvena Hrvatska* : « Parolado de D-ro Giesswein en Wien » ; « Hodiaŭa etato de Esperanto » ; « 3-a Esp. Katolika Kongreso en Budapeŝto ». — En *Crvena Hrvatska* (Dubrovnik) : « Esperanto kaj VI-a tutsokola Kongreso » ; « Montamara Festo » ; « Muŝoj transportantoj de infektaj malsanoj », artikolo tute tradukita el N-o 116 de nia gazeto. — En *Smotra Dalmatinska* (Zara), oficiala registara gazeto en Serb-

(1) Ni rimarkigas, ke tiu letero defendas nur la institucion de la *dum kongresaj* rajtigitajdelegitoj, kiu efektive estis voĉdonata kun granda plimulto de la Sepa Kongreso ĉe la unua kunveno, sed ne la *kotizajon*, kiu estis poste aldonita kaj voĉdonita kun tre duba plimulto kaj en tre neregulaj kondiĉoj. Nu, ĝuste la fakto, ke oni voĉdonas kotizajon, estas kontraŭa al la fakto, ke la internacia organizo estis nur studata. Ni ĉiam protestis kontraŭ la vola konfuzo inter rajtigitaj delegitoj funkciantaj dum la kongreso (propono de D-ro Zamenhof) kaj internacia organizo (propono nun *studata*). Nu, se oni pagas kotizajon, oni per tio rekonas, ke ekzistas jam internacia organizo, kiu estas do kreita antaŭ ol la Esperantistaro estis klare demandita pri ĝi. La sola solvo estas elekti rajtigitajn delegitojn *sen pago* de kotizajo — kiel decidis la Brita Esp. Asocio kaj aliaj societoj.

Tiel agante oni nur konformiĝas al la logiko. (Red.).

kroata kaj itala lingvoj : « Esperanto en nia regno » ; Jubileo de Esperanto ». Tre grava estas tiu lasta gazeto, legata en ĉiuj ŝtataj aŭ provincaj institucioj de Dalmatio. — R.

∴ En *Reformodar* (Rio-de-Janeiro) jam aperis en diversaj numeroj pluraj tre favoraj artikoloj. — C. V.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 1 julio estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. 8.096 kotizaĵoj por 1912. (Je la 1 junio 7.848) + 189 subtenantoj. Lastan monaton la jenaj regionoj atingis pli ol 20 membrojn : *Amsterdam, Firenze, Glasgow, Kolomea, Lisbono, Lodz, Norwich.*

**Fakaj Membroj.**

*Interŝanĝa Fako* : 430 ; *Laborista Fako* : 86 ; *Virina Fako* : 128.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum la monato junio :

| Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 1.050 | 131 | 1.072 |

Tuta sumo : 2.253 (sen la jarlibroj). Antaŭa monato : 3.398. Antaŭa jaro (sama monato) : 3.060.

**Financoj.**

*Konteltiro de U. E. A. de Aprilo 1912.*

| Debito | *Sm.* | Kredito | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Loĝejo | 19.60 | Kotizaĵoj | 101.11 |
| Oficejo | 13.82 | Subtenantoj | 5.50 |
| Salajroj | 161.00 | | |
| Materialo | 10.50 | Esperantiaj Entreprenoj | 8.00 |
| Presaĵoj | 14.18 | | |
| | | | 114.61 |
| Jarlibro | 66.06 | *Saldo* | 174 87 |
| Diversaĵoj | 4.32 | | 289.48 |
| | 289 48 | | |

*Fakaj Kotizaĵoj.*

| Debito | | Kredito | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Interŝanĝa Fako | 35.28 | Interŝanĝa Fako | 9.00 |
| | | Laborista — | 2.00 |
| | | Virina — | 3.50 |
| | | | 14.50 |
| | 35.28 | Saldo | 20.78 |
| | | | 35.28 |

**Subtenantaj Membroj** : (13-a listo).

187. *J.-J. Saraiva Junior* (Rio-de-Janeiro) ; 188. *Jan Kwoleck* (Dobromil) ; 189. *S. Sazy* (Rabat).

**Donacoj.**

De 1 ĝis 30 Junio, 1912.

S-roj : Cendo Sm. 2.26 ; Zent Sm. 0.34 ; Entute : Sm. 2.60.

**Novaj Del., Vic., kaj Subdel.**

Abo-Turku (Rusujo, Finlando). — D. : Arvo Joh. Ahti, kontoristo, Osterlangg, 9.

Adelaide (Australio). — D. : I. Lyall, Box 617, G. P. O.

Basingstoke (Anglujo, Hampshire). — D. : Herbert Woolgar, 58, Worthing Rd.

Braga (Portugalujo). — VD : D-ro Crandino Martins Viconte, advokato, Praca d'Alexandre Herculano, 18.

Domazlice (Austrio, Bohemujo). — D. : Franciŝko Kubat, studento, 86, Hradska str.

Haapalathi-Eno (Rusujo, Finlando-Karjala). — D. : Anthi Ræty, instruisto.

Hellerau b. Dresden (Germanujo, Saksujo). — D. : Karl Handrich, pensiulo.

Kearney (Usono. Nebraska). — D. : Robert Johnston Hill, studento, 520 West 27-th. Street.

Kolding (Danujo). — D. : P. Zoffmann, instruisto, Aalykkegade, 24.

Kolomea-Verbiz (Austrio, Galicio). — SD. : Myĥajlo Ivantyŝyn, Vyznyj.

Kursk (Rusujo). — D. : N. S. Riŝkov, Poĉtovaja, 41.

Nadejdinskij Zavod (Rusujo, Perm. gub.). — D. : Vasilij Filipoviĉ, kontoristo.

New Haven (Usono, Conn.). — D. : Hubert A. Welch, komizo, 789, Orange str.

Nograd-Verœce (Hungarujo). — D. : Elemer Szikszay, gimnazia studento, Vaci ut l.

Novo-Nikolajevsk (Rusujo, Tomskoj gub.). — D. : P. A. Skovorodof.

Simandre (Francujo, Saône-et-Loire). — SD. : S-ino Chapuis-Ponelle, komercistino.

Tarragona (Hispanujo). — VD. : Jozefo Vidal, profesoro, Rbla. St.-Juan, 27.

Tournus (Francujo, Saône-et-Loire). — D. : Charles Augros, vinkomercisto, rue du Collège.

Veenendaal (Nederlando). — D. : A. W. Wesselius, librotenisto, kerkewijk.

Vucht-Nieuwkuik (Nederlando, S'Hertogenbosch). — SD. : F-ino Mario Tennissen, instruistino, Taalstraat.

**Ŝanĝoj**

Aalborg (Danujo). — D. : A. Hansen, librotenisto, Absalonsgade, 19.

Beaune (Francujo, Côte-d'Or). — D. : Ernest Bord, profesoro, faubourg Bretonnière. VD. : Pion, 21, rue de Lorraine

Bremen (Germanujo). — B. Bœning, Krautstr, 34.

Dresden (Germanujo, Saksujo). — VD. : Bernhard Butze, skulptisto, Karlowitzstr, 39.

Halberstadt (Germanujo). — D. : Rudolf Alsleben, komercisto, Woort, 2-3.

Halstead (Anglujo, Essex). — D. : F-ino Zoe Inman.

Hoboken (Usono, N. Y.). — Eugen Ehnis, komercisto, 527, East, 88-th. Street, New-York City.

Leon (Hispanujo). — D. : Emilio Amor, Calle de Guzman el Buerro, 18.

London (Anglujo). — SD. : C. A. J. Fairman, 2, Deronda Road, Herne Hill S. E. — SD. : D. W. M. Jenkins, 56, Wearside Rd., Lady Well, S. E.

Roanne (Francujo). — D. : Louis Maillet, kasisto-stenografisto, 88, rue du Commerce.

Saint-Maur-des-Fossés. — (Francujo, Seine). — D. : Edouard Boudin, mekanikisto, 52, rue Elias-Horve.

San-Francisko (Usono, Cal.). — D. Robert E. Blackstone, instruisto, Kenilworth, Bush et Cowell str. (vidu ankaŭ sub rimarkoj).

Vurtembergo (Germana distrikto). — VD. : Rich. Herm. Hengstenberg, 8, Turmstr. — Esslingen a. N.

**Eksiĝoj.**

En jenaj urboj ne plu estas Delegitoj : Aschaffenburg, Biarritz, Ilkley, Ipswich, Rockhampton. Ne plu estas VD. en : Invercargill.

**Korektoj.**

Larnaca estas en Ciprio kaj ne en Samos.

### Rimarkoj.

Budapest (Hungarujo). — La sola Delegito de Budapest estas nun S-ro de Bulyovskij (pro eksiĝo de la dua Delegito).

Prostejov (Austrio, Moravio). — La D. R. Fridrich loĝas de 6/7 - 15/9 en Jindrichuv Aradec (Bohemujo) strato Ruzova 39 kaj plenumas dum ĉi tiu tempo la servojn de D. por ĉi tiu loko.

San-Francisko (Usono, Cal.). — La D. R. E. Blackstone forvojaĝas dum kelka tempo. Lia adreso estas nun : South Boise City (Usono, Idaho). R. D. N-o 4.

### Novaj Esperantiaj Entreprenoj.

Breslau (Germanujo). — N-o 309. *Urbkomunumo Breslau*, 14, Graupenstr. — Kulturhistoria kaj ĝardenkultura ekspozicioj pro la centjara memorfesto pri la militoj 1813-1815. Surscenejaj muzikaj kaj sportaj prezentadoj en nova, masiva festkonstruaĵo (spaco por 10.000 personoj). Breslau 1913. Majo-Oktobro.

Genève (Svisujo). — N-o 310, *H. Baumann-Jeannert*, Boulevard Georges-Favon, 3, Speciala firmo por artikoloj kaj mebloj de oficejoj ; vertikalaj instalaĵoj. Registroj kun moveblaj folioj. Fontanplumingoj.

### Rimarkoj.

La E. E. N-o 71 (Sekcio de la 19-a kvartalo en Paris) pro eksiĝo el la grupo de Paris nun havas la nomon : *Grupo Fundamentista : La Dek-Sepa.*

# Statistiko de la Esperantianoj

Ni publikigas ĉi sube detalan etaton de la Esperantianoj pagintaj la kotizaĵon por 1912, laŭ *distriktoj* kaj *landoj* (je la 1. julio 1912).

### Etato de la Esperantianoj laŭ distriktoj
(1. julio 1912)

La ciferoj inter krampoj montras la membronombron je la 1. julio 1911.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 Saksujo | 284 | (194) | 38 Aŭstrio | 67 | ( 43) |
| 2 Orient. German. | 269 | (209) | 39 Svedujo | 61 | ( 56) |
| 3 Nederlando | 249 | (192) | 40 Kaŭkazio | 58 | (109) |
| 4 Okcid. Rusujo | 236 | (204) | 40 Norda Hispan. | 58 | (50) |
| 5 Bavarujo | 228 | (216) | 40 Nov.-Zelando | 58 | (62) |
| 6 Suda Rusujo | 226 | (121) | 40 Portugalujo | 58 | (52) |
| 7 Pariza Distrikto | 219 | (223) | 41 Centra Italujo | 57 | (35) |
| 8 Orient. Hispan. | 214 | (199) | 42 Aŭstralio | 56 | (129) |
| 9 Norda Anglujo | 212 | (192) | 43 *) Orienta Anglujo | 50 | (158) |
| 10 Rejnlando-Vestfalio | 208 | (158) | 44 Adriatiko | 46 | (83) |
| | | | 45 Pacifika Usono | 39 | (47) |
| 11 Polujo | 197 | (145) | 46 Centro-Suda Franc. | 37 | (34) |
| 12 Nord-Okcid.-German. | 193 | (149) | 46 Danujo | 37 | (45) |
| 13 Brazilujo | 190 | ( 75) | 46 Nord-Orient.-Ital. | 37 | (19) |
| 14 Svisujo | 184 | (200) | 46 Norvegujo | 37 | (25) |
| 15 Sud.-Orient.-Franc. | 177 | (215) | 46 Suda Afriko | 37 | (37) |
| 15 Suda Francujo | 177 | (131) | 47 Centra Hispan. | 34 | (35) |
| 16 Bohem-Moravio | 174 | (211) | 47 Turkujo | 34 | (27) |
| 17 Centra Rusujo | 172 | (214) | 47 Venezuelo | 34 | (1) |
| 17 Burgonjo | 172 | (194) | 48 Irlando | 33 | (29) |
| 18 Londono | 168 | ( — ) | 49 Finlando | 29 | (37) |
| 19 Centra Anglujo | 162 | (123) | 50 Normandio | 26 | (41) |
| 20 Nord.-Okcid.-Italujo | 156 | (120) | 50 Sud-Orient.-Uson. | 26 | (25) |
| | | | 51 Malezio | 25 | (32) |
| 21 Suda Hispan. | 153 | ( 87) | 52 Centra Norda Usono | 21 | (18) |
| 22 *) Sud.-Okc.-Germ. | 124 | (170) | 53 Antilioj | 17 | (16) |
| 23 Norda Francujo | 119 | (102) | 53 Norda Afriko | 17 | (23) |
| 24 Norda German. | 115 | (107) | 54 Meksikujo | 16 | (15) |
| 24 *) Vurtemburgo | 115 | ( — ) | 55 Arĝentino | 15 | (11) |
| 25 Nord-Okcid.-Anglujo | 111 | (128) | 55 Okcid. Usono | 15 | (12) |
| | | | 56 Urugvajo | 14 | (18) |
| 26 Galicio | 107 | ( 90) | 57 Rumanujo | 13 | (12) |
| 26 Suda Anglujo | 107 | (102) | 58 Okcid. Franc. | 11 | (15) |
| 27 Ĥinujo | 106 | ( 11) | 58 Sud-Orient. Hisp. | 11 | (11) |
| 28 Centra Francujo | 105 | (104) | 59 Serbujo | 9 | (14) |
| 29 Hungarujo | 100 | ( 72) | 60 Suda Italujo | 6 | (4) |
| 29 Orienta Rusujo | 100 | ( 83) | 61 Persujo | 5 | (5) |
| 30 Orienta Franc. | 99 | ( 98) | 62 Hindujo | 4 | (7) |
| 31 Nord-Orienta Usono | 97 | ( 95) | 62 Orienta-Centra Usono | 4 | (4) |
| 32 Orienta Usono | 92 | ( 31) | 63 Grekujo | 3 | (10) |
| 33 Skotlando | 89 | ( 75) | 64 Ĉilio | 2 | (—) |
| 34 Centra German. | 81 | ( 90) | 64 Norda Rusujo | 2 | (4) |
| 34 Siberio | 81 | ( 39) | 64 Tonkino | 2 | (—) |
| 35 Bulgarujo | 66 | ( 55) | 65 Bolivio | 1 | (—) |
| 36 Sud-Okcid.-Franc. | 74 | ( 23) | 65 Japanujo | 1 | (1) |
| | | | 65 Kanado | 1 | (6) |
| 37 Belgujo | 73 | ( 89) | 65 Kolombio | 1 | (11) |

*Rimarkoj :* La Distrikto *Londono* estis antaŭe kunigita kun Orienta Anglujo. La antaŭa regiono Orienta Anglujo do fakte ne malpligrandiĝis, sed pligrandiĝis : 168 (Londono) + 50 (Orienta Anglujo) = 218 (antaŭe 158). Same okazis kun Sud-Okc Germanujo kaj Vurtembergo, kiuj kune nun havas 239 (antaŭe 170). Rigardante la supran tabelon ni konstatas kreskon de nia Asocio en 58 regionoj (64,44 %), malkreskon en 26 (28,89 %) kaj saman staton kiel pasitan jaron en 6 (6,67 %).

### Etato de la Esperantianoj laŭ landoj
(1. julio 1912)

La ciferoj inter krampoj montras la membronombron je la 1. julio 1911.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 Germanujo | 1617 | (1293) | 20 Norvegujo | 37 | (25) |
| 2 Francujo | 1215 | (1181) | 20 Danujo | 37 | (45) |
| 3 Rusujo | 1020 | (956) | 21 Turkujo | 34 | (27) |
| 4 Granda Britujo | 936 | (807) | 21 Venezuelo | 34 | (1) |
| 5 Aŭstrio-Hungarujo | 494 | (499) | 22 Antilioj | 17 | (16) |
| | | | 23 Malezio | 15 | (32) |
| 6 Hispanujo | 470 | (347) | 24 Meksikujo | 16 | (15) |
| 7 Usono | 294 | (232) | 25 Arĝentino | 15 | (11) |
| 8 Italujo | 256 | (178) | 26 Urugvajo | 14 | (18) |
| 9 Nederlando | 249 | (192) | 27 Rumanujo | 13 | (12) |
| 10 Brazilujo | 190 | (75) | 28 Serbujo | 9 | (14) |
| 11 Svisujo | 184 | (200) | 29 Persujo | 5 | (5) |
| 12 Aŭstralio | 114 | (191) | 30 Hindujo | 4 | (7) |
| 13 Ĥinujo | 106 | (11) | 31 Grekujo | 3 | (10) |
| 14 Siberio | 81 | (39) | 32 Ĉilio | 2 | (—) |
| 15 Belgujo | 73 | (89) | 32 Tonkino | 2 | (—) |
| 16 Bulgarujo | 66 | (55) | 33 Japanujo | 1 | (1) |
| 17 Svedujo | 61 | (56) | 33 Kanado | 1 | (6) |
| 18 Portugalujo | 58 | (52) | 33 Kolombio | 1 | (11) |
| 19 Afriko | 54 | (60) | | | |

*Rimarkoj :* Laŭ tiu ĉi tabelo ni konstatos kreskon de nia Asocio en 24 landoj (63,16 %), malkreskon en 12 (31,58 %), kaj saman staton en 2 (5,26 %).

## ORGANIZA DEMANDO

.˙. La Regiona Komitato de Istrio, la anoj de Esp. Unuiĝo de Capodistria, le Del. de Capodistria kaj de Isola, kolektiĝinte en ĝenerala kunveno, aŭdinte la raporton de Prof. Kossaro, *malkonsilis* la fondon de internacia poresperanta societo, *aprobis* la celon de U. E. A , *certigis*, ke nur Esperantio efektive povos helpi nian aferon kaj disvastigi nian ideon kaj ke eventuale fondo de peresperanta societo malutilos Esperantismon kaj malfortigos la kunligon de Esperantistoj.

.˙. La kunveno de *Lodza* Filio de P. E. S., unuanime esprimiĝis

kontraŭ la proponita organizaĵo, kaj elektis S-ron St-Braun por kontraŭbatali la kreon de la t. n. Parlamento.

∴ La Esp. Grupo de *Bordeaux* esprimas la deziron, ke neniu kotizaĵo estu postulata de la grupoj por ĉi tiu jaro, kaj ke ĉiu decido pri ĝenerala organizado estu prokrastata ĝis la naŭa Kongreso.

∴ La grupo *Verda Stelo* (Paris) decidis ne pagi kotizaĵon.

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

∴ *Ges-roj M. Eced* (Teruel, Hispan.) tutkore dankas *S-ron L. Perez* Del. kaj *F-inon J. Cuco*, Konsul. de Valencio, pro iliaj sindonaj servoj dum longa restado en tiu belega urbo.

∴ S-ro *N. Foss*, Del. Ufa (Rusujo) kore dankas ĉiujn *rusajn samideanojn*, kiuj lin helpis dum lia vojaĝo; li ankaŭ dankas S-ron *J. Amades* en Barcelono (Hispan.), per kies afableco li sukcesis kolekti grandan nombron da specimenoj de niaj gazetoj.

∴ S-ro *G. Mansfeld*, en Merseburg (German.) kore dankas *S-ron Del. Armand Kunz* en Osaka (Japanujo) kiu per taŭga informo evitis al li monperdon.

∴ Sinceran dankon al *S-ro Rag. A. Reni*, Del. Verona, kiu donis al mi necesajn informojn por mia vojaĝo, kaj al *S-ro P. Bertoli*, Padova, kiu havis la afablecon gvidi min tra la urbo kaj montri la vidindaĵojn. — W. Wittek, Del. Bozen (Aŭstrio).

∴ Nia eksdelegito en Paris, S-ro Génermont, arkitekto, jus ricevis de sia kolego S-ro Agache leteron, kies plej interesan parton li sendas al ni. Ni ĝin volonte publikigas :

« Kara amiko, kiel vi certe scias, la juĝantaro elektita por konigi la rezultatojn de la konkurso por konstruo de ĉefurbo en Aŭstralio, donis al mi unu el la tri premioj disdonataj inter la 150 konkurintoj. Al U. E. A., mi ŝuldas parton de mia sukceso. Tre interesa artikolo de S-ro Whiteford (del. en Melbourne) aperinta en la Junia (1911) n-o de *Esperanto*, decidigis min partopreni tiun internacian konkurson. Tute prave mi agis; sed mi devas hodiaŭ diri ke, sen la sciigo de nia samideano kiu skribis la diritan artikolon, unu monaton antaŭ tiuj publikigitaj en niaj profesiaj gazetoj, mi ne estus havinta sufiĉan tempon por ĝin zorge fari. Mi do petas vin, kara delegito, esprimi miajn plej sincerajn dankojn ne nur al la sindonema Melbourne'a delegito, sed ankaŭ al U. E. A. mem, nia tiel grava kaj vigla asocio. Ricevu... k. t. p.

Subs. : Agache, arkit., diplomita de la franca registaro.

Al U. E. A., do, nia asociano ŝuldas parton de sia sukceso : jen nova fakto kiu elokvente pruvas la pravecon kaj utilecon de nia asocio : ĝin diskonigu tutmondaj niaj amikoj. — M. G.

∴ S-ro H. Fricke, Del. *Frankfurt-a-Mein*, dankas al Ges-roj W. Neurath (del. Wernigerode), kiuj tiel multe agrabligis lian restadon ĉe la vilao « Esperanto », kiun li varme rekomendas al ĉiuj Esperantistoj.

## Oni proponas!

∴ S-ro *Ch. Brunet*, Del. Bordeaux, proponas, ke ĉiuj kovertoj de U. E. A. estu laŭ amplekso konvena por enteni mono-formatan folion aŭ karton.

## Pri « La Amikaro de Paris »

Antaŭ kelkaj monatoj mi ĉi tie aperigis alvokon por peti, en la nomo de la direkta konsilantaro de la « *Amis de Paris* » (Esp. Ent.), la bonvolan kunlaboradon de la tutmondaj amikoj de nia franca ĉefurbo. Multaj, tre multaj, respondoj alvenis, inter kiuj ni elektis la taŭgajn proponojn kaj sekve de tiu tutmonda konsulto S-rojn Klajiĉ (Belgrad.), Meijnero (Mexico), Soriano (Sevilla), Ŝipek (Heliopolis), R. Rubĉiĉ (Ragusa), Rondini (San Pier d'Arena), de Rakoczy (Kolozsvar), J. Morton (New-York), Minkov (Sofia), Markuse, (Moskvo), Kaniczar (Osijek), F. Kober (Warnsdorf), Juhneviĉ (Vilna), E. Gassler (Mainz), R. Fridrich (Prostejov) akceptis la prezidanto kiel naciajn kaj regionajn delegitojn de sia [Asocio ; al U. E. A., kaj al ĉiuj suprenomitaj, li petis min transdoni] siajn dankojn. Multe mirigis lin la tutmonda disvastiĝado de nia U. E. A. kaj li ĝojis ricevi respondojn el tiom da diversaj landoj. La Asocio « Les Amis de Paris » estas de nun gajnata al nia afero sed utile estus ke ni daŭrigi nian agadon, per Esperanto. Al ĉiuj niaj amikoj, samtempe amikoj de Paris, komprenantaj la francan lingvon, kaj akceptontaj kunlabori kun ni, mi denove faras alvokon. Ili sendu al la Asocio (167, rue Montmartre, Paris) sian aliĝon, per respondkarto, kaj ĝi rapide resendos al ili, kun N-o specimeno de sia monata revuo, detalajn informojn kaj kondiĉojn de delegiteco.

M. Genermont.

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** — En Newcastle (Angl.) *S-ro W. Mc. Creight Brown*, F. B. E. A., kasisto de la tiea Esp. Soc. kaj V. Del. de U. E. A. kun *F-ino Margaret Mc. Kellar Pitcairn* el Bukareŝto, Rumanujo.

**Naskiĝo.** — Al *S-ro D-ro Marchand*, Del. U. E. A. en Dorking (Angl.) naskiĝis filo.

# Fakaj Societoj

## Internacia studenta kongreso en Krakovo 1912

Proponon pri tiu ĉi kongreso (vidu gazeton : « Esperanto » N-o 124, 5 junio 1912), dum Oka en Krakovo arangotan de *Ĉiostudenta Asocio* akceptos ĉiuj kolegoj verŝajne kun ĝojo.

« Tiu kongreso ne estos nur manifestado de junaj homoj por Esperanto, sed precipe labora kunveno, kies tasko estas decidi definitive gravan demandon pri sola, centra, internacia organizaĵo de la studentoj ».

Kaj vere venis jam tempo por esplori tiun ĉi demandon definitive, ĉar ni ja vidas, ke ĉiujare aperadas kaj tre rapide mortas ĉiuj provoj de internacia organizaĵo de studentaro. Kial ili malsukcesas, kaj ĉu tia centra organizaĵo estas bezona, necesa kaj vivkapabla kaj fine kiel finsolvi tiun ĉi demandon, pri tio ni parolos en Krakovo !

(Al multaj ekzemple plaĉas organizaĵo de naciaj Esperanto-Centroj por studentoj kiel en Germanujo, kiuj aliĝus al U. E. A.),

Tamen nune ekzistas kelkaj internaciaj organizaĵoj de studentoj, kiuj enkondukis en studentan vivon tiel grandan ĥaoson, ke multaj unuiĝoj kaj grupoj studentaj preferas aliĝi neniun. Tial ni devas jam fini kun tiu ĥaoso, interkonsenti kaj krei unu solan, centran organizaĵon.

Tial mi turnas min kun varmega peto al ĉiuj ekzistantaj internaciaj organizaĵoj studentaj, al ĉiuj naciaj ĉu landaj asocioj kaj fine al ĉiuj memstaraj Unuiĝoj kaj Grupoj studentaj, ke ili nepre sendu sian delegiton al « Internacia studenta kongreso » en Krakovo.

W. Giercuszkiewicz Lwow.

# Alvokoj

## Eldonistoj kaj Fabrikistoj, Atentu !

La Nebraska Esperanto-Instituto, *Blair*. Nebraska, Usono, Chrs. P. Lang Estro, estas konstante vigla kaj havas ageman fakultaton de paroladistoj kaj instruistoj, kiuj kondukas Esperantajn Institutojn je diversaj kunvenoj, ĉataŭkvaj (Chataquas) festoj, k. t. p. ; ankaŭ organizas Ekspoziciojn de diversaĵoj, laborantaj per kaj por Esperanto. La Ŝtata Kristana Celadista Unio faris inviton por institutlaboro en ĝiaj 12 kunvenoj, kaj la Centra Instituto nun prepariĝas por la laboro. Eldonistoj kaj Fabrikistoj, bonvolu alsendi ekzemplerojn de gazetoj kaj diversaĵoj, kaj tiel ekkonigu viajn produktojn, ĉar la Institutanoj atingos milojn da personoj dum la venontaj monatoj — kaj vi helpos ne nur propagande sed ankaŭ ŝpare. La Estro de la Instituto estas Sekretario de la Ŝtata Esperanta Asocio, del., U. E. A., kaj Estro de la Esperanta Fako de la Kristana Celadista Unio. Adresu Chas. P. Lang, *Blair*, Nebraska, U. S. A.

### Ekspoziçioj

.˙. Por iom vigligi nian movadon en Norvegujo, la subskribinta Grupo kun danko ricevus Esperantajojn ĉiuspecajn por organizi *ekspozicion* ; ĝi opinias, ke tiu rimedo estas la plej certa por veki intereson de la eksteruloj. Adreso : Grupo Esperantista en *Trondhjem* (Norveg.).

.˙. Saman peton sendas al helpemaj samideanoj la Grupo en Gorlitz por la jubilea festo de 8 septembro ; materialo poste resendota laŭ peto. Antaŭan dankon !

F. Mally, Del., U. E. A., *Gorlitz* (Germanujo).

.˙. Same en *Roznov p. R.* (Moravio, Aŭstrio). — S-ro *Antono Kudela*, Del. U. E. A.

### Poŝtkartojn !

Dum septembro-oktobro, la urba registaro organizos ekspozicion de elektraj maŝinoj, k. t. p. En ĝi estos aranĝata Esp. parto per migrantaj kartoj. La subskribinto altiras la atenton de la Del., kaj Esp.-ianoj al sia alvoko en n-o 119 de nia gazeto.

S. Borgerman, Del. *Krefeld* (German.).

### Vojaĝantoj, turistoj !

Ĉiujn vizitantojn de la Aŭstriaj Alpoj mi informas, ke ili nun ankaŭ en Bozen, la eliro aŭ alven-loko de la grandiozaj kaj famaj Dolomitoj, trovos samideanojn. Informojn, ankaŭ pri la najbara aerkuraca loko, donas kontraŭ respondelspezoj : W. Wittek, Del. Villa Engl. St.-Johana, 515, *Bozen-Gries* (Tirolo, Aŭstrio).

### Eldonado

Fervora samideano kolektisto de Esp. gazetoj por diskonigi al la Esperantistaro la gravecon de la Esp. gazetaro ĝis hodiaŭ aperinta, deziras eldoni serion da 5 kartoj montrantaj la 350 diversajn Esp. ĵurnalojn de li posedataj. La gazetoj estas ordigotaj laŭ la jena formo poŝtkarto : 1-e. gazetoj nur en Esperanto ; 2-e. Specialaj gazetoj ; 3-e. kaj 4-e. propagandaj gazetoj ; 5-e. gazetetoj kaj bultenoj.

La eldonisto aŭ societo, kiu volas entrepreni la eldonon de tiu servo da poŝtkartoj, sin turnu al mi. Johano Amades, Pen de la Creu 10, Barcelono.

### Krakovaj Kongresoj

El ĉiuj landoj aŭstriaj estas Esperanto plej longe kaj plej multe disvastigita en Bohemujo. Neniu do miro, ke tie ekzistas multego da grupoj kaj asocioj kun Esperantistoj flue parolantaj nian lingvon. Ĉar la rekta linio el okcidenta Eŭropo al Krakovo tranĉas Bohemujon, oni nature pensus, ke ĉiuj fervojaj linioj, alveturigontaj niajn karajn kongresanojn, necese kondukos tra Praha, ĉefurbo de Bohemujo. Tamen male... oni elektis nur tiajn liniojn, kiuj tute evitas Bohemujon ! Kial ? Ni ne scias ! Neniu kompreneble povas esti devigata elekti pli longan vojon ol necese. Tial ni, bohemaj samideanoj, loĝantaj sur aŭ apud la ĉefa fervoja linio (ekz., Plzen, Budejovice, Praha, Koh'n, Kut. Hora, Pardubice, Chrudim, k. t. p.) firme esperas, ke niaj samideanoj okcident-eŭropaj ne forgesos nin viziti veturante tien aŭ reen, kion ili certe ne pentos, ĉar Bohemujo kiu ludis iam ĉefan rolon en historio, estas plenriĉa je atentindaj memorindaĵoj. Tieaj samideanoj plenĝoje iĝos akompanantoj kaj interpretistoj. Por ricevi detalajn informojn, oni bonvolu sin turni al *bohemaj delegitoj de U. E. A.*, kiuj kompleze donos ĉiujn necesajn klarigojn.

En la nomo de la « *Orient bohemuja Federacio* » K. Kudrna, delegito Chrudim.

### Alvoko al Katolikaj Esperantistoj !

Ne ĵetu plu viajn uzitajn poŝtmarkojn, sed bonvolu ilin sendi al ni, post kiam ili estas malgluitaj el kovertoj kaj vi posedas sufiĉe da ili por fari sendon poŝtan afrankite. Tiel vi helpas disvastigon de Esperanto inter Katolikoj. Ni bone akceptus ĉiujn valorajn poŝtmarkojn sed dankeme altvalorajn kaj tiujn reserĉatajn de kolektantoj. Ni enskribos niajn helpantojn kaj laŭeble ni ilin rekompencos per esperantaj propagandiloj.

Adreso : S-ro P. Tournier, N-o 17, Cours d'Orleans, à Charleville (Francujo).

### Ekspozicio

Intencante, fondi Esp. grupon kaj per tio propagandi nian lingvon en nia mondbanurbo, mi petas ĉiujn, precipe eksterlandajn Del., kaj abonantojn de *Esperanto* sendi al mi ĉiuspecajn esperantaĵojn, poŝtk., gazetojn prezarojn ; ĉefe mi petas la eldonejojn de Esp., ĵurnaloj sendi al mi pronumerojn, por povi aranĝi Esp. ekspozicion.

Adresu al : Heinrich Neubert, poŝtsekretario, Bad Kissingen (Germanujo).

### Fizika Kulturo kaj Esperanto

La legantoj de *Esperanto* bonvolos noti, ke S-ro Bernarr Macfadden, ĉefredaktoro de la plej granda kaj fama higiena gazeto de Ameriko *Physical Culture*, akceptos mallongajn raportojn, Esperante verkitajn, pri la progresado de la higiena kaj fizika kultura movado tra la mondo. Oni precipe deziras informojn pri Vegetarismo, Ekzercado, Banado. Sendroga Kuracmetodo, Hidropatio, ktp.,

Pri la artikoloj, oni konsilas :

Unue, ke ili estu verkitaj nur en la plej bona Esperanto, stile kaj gramatike. Ĉar ne estas dungataj korektistoj, S-ro Macfadden devas sin apogi je la Esperantistoj mem.

Due ke ili estu kiel eble plej mallonge kaj klare verkitaj.

Trie, ke oni uzu la literojn ch, gh, jh, hh, sh, kaj u, anstataŭ ĉ, ĝ, ĵ, ĥ, ŝ, kaj ŭ. *Physical Culture* ne posedas aron de la supersignitaj literoj.

Personoj kiuj povas kaj intencas sendi iajn novaĵojn, sin turnu al : S-ro Bernarr Macfadden, Editor-in-chief of *Physical Culture*, (Fako de Esperanto) Flatiron Building, New-York City, N. Y. (Usono).

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Antonio Pla, Ancha 90, L. (en angla, franca kaj hispana lingvoj por praktika uzado).

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Bradshaw nr. Bolton (Anglujo). — S-ro J. Birtwistle, 236, Turton Road.

Bruxelles (Belgujo). — S-ro Léon Verbor, 4, rue de la Chaumière, PI. PM.

Dortmund (Germanujo). — S-ro Franz. Andersen, Alt Mühlenweg 30/IV., PI.

Elberfeld (Germanujo). — S-ro Kurt Henke, Hofkamp, 28 (kun ĉiuj landoj).

Essen/Ruhr (Germanujo). — F-ino M. Bartholomé, Huttropstr. 84 pt. (ŝanĝo de l'adreso).

Funchal (Madeira, Hispanujo). — S-ro Ed. Ant. Pestana, Rua de Carreira, 99, L. PK. (pri ĉiuj aferoj, speciale pri socia filozofio).

Gerona (Hispanujo). — S-ro M. Rodriguez, Plaza del Carril, 613, PI.

Gross-Schænau (Germanujo, Saksujo). — S-ro Richard Jæhne, N-o 316. PI. bfl. (kun ĉiuj landoj).

Louny (Austrio, Bohemujo). — S-ro Jos. Rybak, prakt. drog., Ĉefplaco, 127, PK. PI. bfl.

Luck (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

Montevideo (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ATENTU FILATELISTOJ! Por unu internacia respondkupono sendas 30 diversspecajn rusajn poŝtmarkojn. Narva (Rusujo), Joahimstalo, 181-3, A. Karusar.

EKAPERIS la « ILUSTRITA GVIDLIBRO TRA BUDAPEŜTO » de Geza Nyulaszy de Csaholy. Propagandilo 80 paĝoj. Ricevebla ĉe la aŭtoro: Budapeŝt VII, teleputca 30. Prezo: 13 SD.

EKSPOZICIO. — Por vere propaganda celo, mi intencas aranĝi Esperantan Ekspozicion, pro kio mi bezonas helpon de bonvolemaj samideanoj kaj esperantistaj firmoj, de kiuj mi petas la plej baldaŭan alsendon de ĉiuspecajn esperantaĵojn; broŝurojn, prezarojn, katalogojn, gvidlibrojn, kaj t. p., kun koraj antaŭdankoj Santos Ortiz de Arri Str., Guetaria, 10, San Sebastian (Hispanujo).

ESPERANTISTOJ PRETERVETURANTAJ VARSOVION povas trovi bonvolemajn junajn samideanojn laŭ la adreso: str. Mila 27, razejo, sin turni al S-ro Rafal Rosenfeld.

ESPERSTENO: Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo: Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

FAMAJ HOLANDAJ CIGAROJ. — Ign. de Laure, Cigarfabrikanto, Boksmeer (Nederlando) serĉas en ĉiuj landoj cigarvendistojn, Petu specimenojn kaj prezojn.

FILATELISTOJ. — Sendu al S-ro Dupuis, 2, rue de l'Arc-de-Triomphe, Paris (Francujo), 3, 6, aŭ 9 respondkuponojn kaj vi ricevos 20, 40 aŭ 60 diversajn poŝtmarkojn de la francaj kolonioj kaj specialan katalogon de poŝtmarkoj. Petu la faman katalogon Yvert-Tellier, Fr. 4.25 (Sm. 1.70) afrankite-rekomendite.

GAZETOJ. — Mankas al mi la numeroj 2 kaj 4 de la « Revuo » (1-a jaro. Mi pagas por tiuj duoblan prezon. S. Aae, Horsens-Danujo).

INTELIGENTA JUNULO, perfekta Esperantisto, scias la rusan kaj germanan lingvojn serĉas oficon en Rusujo, Germanujo aŭ Polujo, en ia magazeno, librejo, kancelariejo aŭ sim. Povas esti ankaŭ helpleciionisto. La Delegito, kiu havigos la oficon, donace ricevas belan valoran kolekton da Esperantaĵoj. Afablajn proponojn oni adresu: S-ro B. Breslaŭ, Vasilkovsk str. Rejica, Vitebsk gub. Rusujo, sub espero 555.

JUNA FRANCO, studento en juro, diplomita pri Esperanto, serĉas germanan familion, kiu akceptus lin dum libertempo. Plezure li parolos francan lingvon, G. Lelarge, rue Salbérie, Cholet (Maine-et-Loire) Francujo.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. — Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso: Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinaj landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hisp.).

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al: H. Fischer, 46. Westwall, Krefeld, German. (Ili mem pagas vojaĝkostojn).



*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

